XXIII^a jaro. N° 328 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** | 10.— Fr. Sv. |
| **Kun la membreco de UEA** | 12.50 Fr. Sv. |
| **Unu numero** | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| **Korespondado** (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## La ideo de Julio Baghy

Nia poeto Julio Baghy proponis, ke ĉiu el ni aĉetu almenaŭ unu Esperanto-libron la 15-an de Decembro. Nia jubilea kongreso en Danzig unuanime aprobis lian ideon. Ni ĝin varme rekomendas al ĉiuj niaj legantoj kaj al ĉiuj grupoj.

Nia literaturo estas la kerna trezoro de nia lingvo. Ne pro ia ekstera decido venkos Esperanto, sed pro ĝia propra forto. Ĉiu nova libro eldonita en ĝi aldonas al tiu ĉi forto. Ĉiu bela verko pensita kaj presita en ĝi alportas novan riĉaĵon al ĝia spirita kaj materia kapitalo. Ju pli da valoro enhava, des pli da efiko alloga.

Talenta aŭtoro, kiel Julio Baghy mem, faras al ni grandan donacon elektante Esperanton por verki en ĝi. Sentima eldonisto donas al ni grandan helpon, kiam li publikigas en nia lingvo. Sed ambaŭ meritas iom da kuraĝigo. Se ni ne legas, se ni ne aĉetas, kial ili daŭrigu?

Estas ja mirinda afero, ke nova Esperanto-libro aperas ĉiun duan aŭ trian tagon. Ni ĉiuj deziras, ke tio daŭru kaj kresku. Prave. Sed kion ni faras mem por akceli la aferon? Mi ricevis tre pripensigajn leterojn de kelkaj el niaj plej bonaj aŭtoroj kaj eldonistoj. Centmil lernolibrojn unu vendas kaj nur tricent novelojn. Ili petas pri la pruvo, ke ni ŝatas ilian laboron. Ĉu ni volas ĝin doni al ili?

Se ĉiuj partoprenantoj de la Zamenhofa festo la 15-an de Decembro aĉetus po unu libro tiun vesperon, tio signifus inter 30 kaj 50 miloj da venditaj volumoj. Ĉu ne indas organizi la aferon serioze? Ankaŭ la prezoj malaltiĝus, se la vendado pli rapidus.

Nia Majstro D-ro Zamenhof, kies naskiĝtagon ni festos ĉiuj samtempe, estus tre ŝatinta la ideon de Julio Baghy. La lingvon li vidis, ne en gramatiko, sed en verkaĵoj; en la vivo, ne en la teorio. Kiom da homoj en la nuna esperantista generacio legas liajn admirindajn tradukojn? Ĉu oni povas imagi stilon pli vivan, pli fortan, pli impresan en ĝia poezio ol lia interpretaĵo de la Predikanto en la Malnova Testamento? Ĝi estas vere ĉefverko.

Belegajn tradukojn de Kaloczay aŭ fortajn originalojn de Baghy, malnovajn perlojn de naciaj literaturaroj aŭ novajn pensojn de nuntempaj homaranoj, elektu vi mem tion, kion vi preferas, sed partoprenu nian Feston de la Libro! Per tio vi komunos kun la tuta esperantista familio. Per tio vi gajnos novan homan simpation. En nia lingvo homoj esprimis revojn, ridojn, plorojn, sopirojn kaj esperojn, ĉu de siaj popoloj, ĉu de sia koro, ĉu de la naskiĝanta homaro. En nia lingvo ili notis konojn utilajn al ĉiuj nacioj. Kore premu ilian manon per havigo de unu libro.

La 15 Decembro staru en ĉiuj festsalonoj larĝa tablo kun libroj je honoro de D-ro Zamenhof kaj de nia juna literaturo. Neniu eliru sen volumeto en la poŝo. Poste la presejoj laboros duoble pli vigle.

*Edmond Privat*

 SOCIA VIVO 

# Kiam ni ribelos kontraŭ doganoj?

De *Liang-ĉu-vaj.*

Antaŭ kelkaj semajnoj, en unu el la plej civilizitaj urboj de la mondo, mi trovis en mia leterkesto paperon redaktitan per tia oficiala lingvo, kiu impresas pli ol klarigas al leganto. Post kelkfoja relego mi tamen sukcesis almenaŭ kompreni tion, ke mi devu iri al doganejo por serĉi pakaĵon al mi senditan el eksterlando.

Nu, bone, la vetero estis bela. La horloĝo montris la duan horon posttagmeze, mi iris al stacidomo kaj demandis kie troviĝas la dogana deponejo. Ĉe alia flanko de la reloj. Bone. Mi malsuprenis, trairis sur fervoja ponto, marŝis inter transportiloj, veturiloj, aŭtoportiloj, spiris iom da polvo, marŝis ankoraŭ kaj fine atingis la deponejon. Longa vico da homoj atendis tie kun paperetoj en la mano. Estis duono post la dua. Mi atendis mian vicon. Fine ĝi venis. Oni rigardis mian paperon, turnis ĝin ambaŭflanke.

— Ne tie ĉi, sinjoro.

— Ĉu tio ne estas la doganejo por sendaĵoj?

— Jes, sed por sendaĵoj per fervojo, ne per poŝto.

— Ĉu poŝto ne uzas fervojon?

— Ne perdu nian tempon, iru al la poŝta doganejo.

— Kie estas ĝi?

— Ĉe alia flanko de reloj, ĝuste trans ili.

Bone. Bedaŭrinde ekzistas tie nek ponto, nek subvojo. Necesas reiri al stacidomo, trairi denove sub reloj kaj remarŝi laŭlonge la fervojon dum longa momento. Estis jam la tria. Jen nekonata kvartalo, strangaj stratoj, ofta demandado, neniu scias, kompreneble. Provu tie, konsilas policano. Jes, li pravas. Jen aleo turniĝanta al granda fera pordego. Malgranda domo sidas tie, izolite, kun ruĝaj floroj en ĝardeno. Eble ĝi estis iam unua stacio de l' unua fervojo. Eniru.

Ĉe grandaj altaj tabloj staras silentaj homoj kun krajono sur orelo. Neniu moviĝas. Mi ektusas. Iu turnas la kapon kaj eklaboras intense. Mi retusas. Alia levas la ŝultrojn kaj daŭrigas. Kion fari? Jen, tria oficisto min ekrigardas kaj decidiĝas alpaŝi la giĉeton. Mi montras mian papereton.

Li serĉas en dika amaso da trapikitaj dokumentoj. Ĉu li trovos ion? Jes, li trovis. Jen du grandaj paperoj kun belaj markoj, ŝtampoj ktp.

— Sesdek centimojn, mi petas, diras la homo afable. Mi pagas, enpoŝigas kvitancon kaj la du vojaĝintajn paperojn.

— Nun iru al la deponejo kun viaj dokumentoj. Tie vi ricevos la pakaĵon. Nur sekvu la aleon, tute rekte!

Bone. Esperplene mi marŝas tute rekte inter imponaj bareloj ĵus elvagoniĝitaj. Odoras vino. Jen alia domo. Ĉu tie? Ŝtuparo kondukas al civilizita etaĝo. Tie deĵoras poŝtistoj en uniformo. Mi montras miajn paperojn. Silenta viro malaperas inter montoj da kestoj. La horloĝo montras duonon post la tria.

Jen fine mia pakaĵo. Ok kilogramoj. Bela kesteto zorge ĉirkaŭ-ŝnurita. Ĉu mi rajtas ĝin preni? Ĉu mi rajtas foriri?

— Jes, jes. Prenu. Ĉio en ordo.

Tenante la ŝnuron mi ĝoje reiras al la granda fera pordego. Unue tra la bareloj. Poste preter la oficeja domo.

Nu, kion signifas ĉi tio? Jen du ĝendarmoj staras garde ĉe la elirflanko. Ilin oni ne vidas enirante. Severa doganisto alpaŝas:

— Ĉu vi jam pagis por dogano?

— Sesdek centimojn, jen la kvitanco.

— Tio ne estas por dogano. Eniru ĉi tien, bonvolu.

Nova ejo kun kvar viroj, du en uniformo, du en civilaj vestoj. Pesilo en la mezo.

— Kion enhavas la kesto?

— Jen la dokumento: fruktoj senditaj de amiko.

— Kiaj fruktoj?

— Mi ne scias, li skribis nur „fruktoj".

— Necesas do malfermi.

Du viroj malligas la ŝnuron. Unu serĉas martelon kaj ĉizilon. Ili rompas la surflankon de la kesto. Aperas metala skatolo plumbe fermita. Ili skuas ĝin. Akva bruo aŭdiĝas.

— La fruktoj estas konservitaj. Oni aŭdas fluaĵon. Ĉu en alkoholo aŭ en propra suko?

— Pri alkoholo ne povas temi. En tiu devenlando ĝi estas malpermesita.

— Do propra suko. Tio kostos al vi. Necesos scii kian tarifon apliki. Ni demandos la ĉefon. Kolego! Kie estas la ĉefo?

— Mi lin serĉos.

Unu el la viroj foriras. La ceteraj interparolas gaje. Estas la kvara kaj kvarono. Revenas la viro. Li ne trovis la ĉefon.

— Vidu en la alia oficejo!

Reiras la viro. Ni babilas iom. Jen fine anstataŭanto de la ĉefo. Li aŭdas la klarigojn, rigardas la skatolon, foliumas dikan libregon, la oficialan tarifon. D, E, F, . . . FRUKTOJ, „freŝaj", ne, „konservitaj", jes, „konservitaj en propra suko", jen, „ananasoj, luksaj fruktoj" . . .

— Certe ne ananasoj, sinjoro, ĉar el Nordo.

— Kial ili ne metis la precizan nomon de la frukto? Kion vi supozas?

— Arbarajn beretojn kredeble, ĉar ili havas specon, kiun ni ne konas ĉi tie kaj pri kiu fremduloj interesiĝas vizitante la landon.

— F, F . . . „fruktoj ne menciitaj aliloke kaj konservitaj en fermitaj skatoloj“.

— Nu jen la afero tute ĝuste.

— Jes, 55 frankojn por cent kilogramoj.

— Nu, mi havas 8.

— Vi forgesas la keston. Vi devas pagi ĉu por la plena pezo, ĉu kun aldono.

— Nu kun la kesto kiom?

— Dek kilogramoj. Do kvin frankoj, kvindek. Bonvolu plenigi tiujn du demandarojn. Poste iru al la oficejo trans la strato por pagi kaj revenu ĉi tien kun la kvitanco.

Pleniginte la paperojn mi transiris, atendis mian vicon, pagis, ricevis kvitancon kaj revenis. Oni religis ŝnuron ĉirkaŭ mia skatolo. Mi portis ĝin sub la brako por reiri hejmen. Estis la kvina. Alveninte, mi boris truon en la metalon. Jen alfluis la beroj, helaj, freŝaj, odorantaj el belaj nordaj arbaroj kun pinoj kaj musko. Tie vivas sciuroj libere, saltas de branĉoj al branĉoj, feliĉaj kaj ignoremaj pri doganoj, eltrovaĵoj de homa civilizo.

---

# Nacia subpremo — militdanĝero!

De D-ro *Ewalt Ammende*

Estas fakto nun rekonita, ke la nesolvita problemo de la naciecoj antaŭ la milito, venenigis la interŝtatajn rilatojn kaj pro tio fariĝis unu el la esencaj kaŭzoj de militaj konfliktoj. Pri tio neniu plu dubas. La monda milito kaj pli korekte la postmilita epoko alportis certajn ŝanĝojn en la eŭropaj kondiĉoj, kiuj rilatante la naciajn minoritatojn, pligravigis la eblecon de konfliktoj. Ne plenumiĝis la espero, ke per la novaranĝo de landlimoj aŭ la fondiĝo de novaj ŝtatoj, la problemo de la naciecaj malplimultoj (minoritatoj) malaperos. Efektive la nombro de la naciaj malplimultoj laŭ homoj vivantaj en fremdaj landoj malgrandiĝis — kio sendube estas avantaĝo — sed kontraŭe la grupoj de naciaj malplimultoj pligrandiĝis. Ja oni povas aserti, ke hodiaŭ ekzistas ĉiuj variaĵoj kaj nuancoj de naciecaj grupoj. La kaŭzo devenas parte el la limfiksado kaj plej grave en la grandega nacieca miksado de Meza kaj Orienta Eŭropo. Oni povus fiksi la limojn de ŝtatoj kiel oni volas, ĉiam oni havos naciajn malplimultojn en unu aŭ alia el la najbaraj landoj.

*

Dua tre granda ŝanĝo kiun alportis la milito estas la nekomparebla fortigo de la nacia sento de nacieca aparteneco, tiu pligrandigita nacia sento, kiu sekvigis la fariĝon de naciecaj komunecoj eĉ trans la limoj ŝtataj. La esencaj kaŭzoj de tiu ĉi procedo troviĝas interalie en la neantaŭvidebla efiko de la 14 punktoj de Wilson sur la anoj de tiuj grupoj, ne povintaj kalkuli aŭ esperi je fondo de novaj ŝtatoj. Aldoniĝas la evoluo de la metodoj uzitaj de la soveta reĝimo rilate al la nacieca propagando. Plie la traktado de la anoj de venkitaj ŝtatoj dissemitaj en ĉiuj landoj ankaŭ kontribuis al tiu ĉi ŝanĝo. Fine estu menciata, ke ĉiuj decidoj de la packonferencoj estis funditaj sur la libereco de la nacia evoluo. Estas do nedisputebla fakto, la ekzisto de etnologia, lingva kaj kultura komuneco ankaŭ trans la ŝtataj limoj, tute egale ĉu temas pri poloj aŭ germanoj, sudslavoj aŭ hungaroj. Specialan signifon havas do alia ŝanĝo, kiun alportis la milito: la fakto, ke per la fariĝo de novaj limoj kaj ŝtatoj estas nur malmultaj gentoj, kiuj ne havas fratan popolon vivanta en memrega ŝtato. Pro tiu ĉi kaŭzo la nesolvita nacieca problemo pli sentiĝas en la interŝtataj rilatoj ol antaŭ la milito. Preskaŭ ĉiu nesolvita nacieca problemo — ĉiu kazo de subpremo — maltrankviligas la interŝtatan rilaton.

Oni demandas sin, kio okazis ĝis nun por forigi tiun staton. Bedaŭrinde oni tro malfrue rekonis, ke per la nura limfiksado oni ne forigas la naciecajn malplimultojn. Oni sekve kompletigis la kontraktojn, garantiante al la malplimultoj kulturajn rajtojn. Oni kreis la minoritatan rajton. Sed mallonge poste montriĝis tiu ĉi provo de reguligado kiel tute netaŭga. La kaŭzoj por tiu ĉi evoluo estas la jenaj:

Unue: la protekto de la minoritatoj kiel ĝi estis ĝis nun sekvita estas absolute nesufiĉa. Mankas la konsidero de la *kolektiva memvolo* de ĉiu nacieca grupo, memvolo kiu puŝas hodiaŭ al naci-kultura agado propra. Plie la plendrajto ĉe la Ligo de Nacioj montriĝis pro la dilatora procedo multe pli danĝera ol utila por la naciecaj malplimultoj, aserto pruvita de spertulo en la afero, nome Sir Willoughby Dickinson. Sed plej ĉefe kaj en ĝi estas la fundamenta eraro de la provo reguligi tiun staton: La protektantaj kontraktoj estas devigaj nur por difinita grupo de ŝtatoj, precipe la novefonditaj, dume por aliaj ĝi tute ne havas ian devigon. Tio kaŭzis, ke pro prestiĝo kaj konservo de la suvereneco de ŝtatoj sen kontrakta devigo, stariĝis antitezo inter la membroŝtatoj de la Ligo de Nacioj. Dum serio de ŝtatpopoloj povas senmalhelpe subpremi naciajn malplimultojn sen ajna ebleco agi kontraŭ tio, la ŝtatoj de la alia kategorio devis akcepti minacon de ebla kontrolo per la Ligo de Nacioj. Estas evidente, ke tiu ĉi unuflankeco psike malhelpas jam antaŭe la akcepton de la Minoritata Juro eĉ de la progresemaj rondoj de multaj ŝtatpopoloj.

Devis io okazi por krei ponton pri tiu ĉi diverseco inter la membroŝtatoj de la Ligo de Nacioj. Pro tio ĉi la dua kunveno de la Ligo de Nacioj esprimis la deziron, ke ĉiuj membroŝtatoj de la Ligo, ankaŭ tiuj neligataj per specialaj kontraktoj, konsentu al la malplimultoj minimume la samajn rajtojn kiel ilin antaŭvidas la kontraktoj. Se tiu ĉi morala devigo estus montriĝinta pli forta, tiam eventuale la krizo ne ekzistus. Ĝi estus kondukinta al interkonsento de la ŝtatpopoloj kun la malplimultoj.

Bedaŭrinde venis la malo. Depost la deziresprimo de la Ligo de Nacioj la neado de la principoj de l' minoritata rajto pligraviĝis. Oni devas diferencigi du metodojn ĉe tiu ĉi procedo. Unue, la — kaŝita metodo — procedo, kiu konsistas rekoni senkonteste la principojn, sed ne apliki ilin, tamen aperigi eksteren, ke oni sekvas ilin. Tiu ĉi metodo estas speciale danĝera kaj incitiga sur la malplimultoj. Surpapere ĝi ne estas neado de la akceptitaj principoj. La alia estas la — senkaŝa metodo — kiu kontraŭbatalas senvuale la rajtojn de la naciaj malplimultoj. La anoj de tiu ĉi metodo defendas novan tezon, kiun oni povas resumi jene:

„Granda popolo ne bezonas akcepti malpliigon de sia nacia kulturo pro la ekzisto de iuj naciaj malplimultoj.“ Alivorte oni postulas per tio ĉi la — *rajton de la plimultoj*, kiu kiel antitezo al la rajtoj de la malplimultoj, sekvigas rajton de alnaciigo de fremdaj gentoj. Tiu ĉi tezo ne estas teoria, ĉar ĝi funkcias en la praktiko, kio nature povos konduki al akuta krizo.

La eldiroj de tiuj rondoj prezentas danĝeron por la eŭropa paco. Ili malbonigas la interŝtatajn rilatojn. Ekzistas la danĝero, ke el la jam ekscitita atmosfero rezultos veraj bataloj per armiloj pro ia sensignifa okazaĵo. Karakterize estas, ke ambaŭ partioj kredas esti rajtigataj je ilia procedo, fakto, kiu pruvas la malfacilecon de la psikologia situacio.

Apud tiu ĉi krizo pri la eŭropa paco ekzistas alia, kiu speciale koncernas la Ligon de Nacioj. Tiom longe, ke oni ne malrespektis la principojn, la Ligo povis eviti ĉiun konsideron pri la nacieca problemo. Hodiaŭ, kiam certaj gentoj estas malkaŝe subpremitaj, minacas la Ligon, perdo de la bonfamo aŭ prestiĝo. Temas pri pli multe por la Ligo ol tio. La nuna situacio malrespektas la principojn mem de ĝia ekzisto. La Ligo ja estis fondita speciale por trakti ĉiujn problemojn endanĝerigantaj la pacon de la tutmondo. Estas videble, ke tiu ĉi nesolvita problemo povas konduki al milito. Ne plibonigas la aferon, ke oni prisilentas ĝin. Estas do devo de la Ligo de Nacioj, plilarĝigi sian agadon kaj konsideri ankaŭ tiujn problemojn. Ili formas parton de la paca problemo. Certe ne estas eble postuli recepton plej efikan de la Ligo por solvi la demandon. Gravas unue, ke oni serĉu la eblecon solvi ĝin, kaj ke oni fondu objektivan gremion por la konstanta prilaboro de tiu ĉi problemo.

Pasis jaroj, ke okazis io flanke de la Ligo de Nacioj por la malplimultoj. Oni povas eĉ diri, ke la konsidero flanke de la Ligo estas artefarita bagateligo. Ĉiam oni provas impresigi, ke tiuj demandoj havas nur triaklasan gravecon, ĉar la intereso de la ligmembroj apartenas al aliaj pli gravaj problemoj. Ĉu tiu ĉi sinteno de la Ligo de Nacioj konduku al eksplodo? Oni ne nur havas la rajton, sed ankaŭ la devon, averti la Ligon kaj la publikon pri tiu ĉi danĝero. Tio okazis laste per alvoko de la tria eŭropa nacieca kongreso al la Ligo de Nacioj. La respondecaj gvidantoj de 40 milionoj da homoj, vivantaj kiel malplimultoj en la diversaj ŝtatoj eŭropaj, turnis sin al la Ligo de Nacioj, petante, ke ĝi okupiĝu pri la solvo. Oni devas esperi, ke tiun alvokon oni aŭdu antaŭ ol estas tro malfrue. Trad. *H. J.*

## NOTOJ

*La internacia agado en Kubo.* — Je la fino de la nuna jaro kaj dum la unuaj monatoj de 1928 Habano, la ĉefurbo de Kuba Respubliko, estos internacia centro, kie okazos gravaj kunvenoj. Dum Decembro 1927 okazos la Unua Tutamerika Konferenco pri Eŭgeniko kaj Homkulturo. Dum Februaro 1928 okazos Kongreso de Latina Gazetaro. La gravega Kvina Tutamerika Konferenco (kongreso de la Panamerika Unuiĝo, kies membroj estas la registaroj de Ameriko) kunvenos en Habano dum Marto 1928. Kaj fine, dum Aprilo okazos la Dua Internacia Konferenco pri Enmigrado kaj Elmigrado. Tiu ĉi lasta kongreso, kie kunvenos delegitoj de 72 landoj, altiros la atenton de multaj eŭropaj landoj interesataj en la migradaj problemoj.

Ni aldonu, ke dum la „vintra“ sezono en Kubo (dum tiu milda vintro de tropika lando), t. e. de Decembro ĝis Aprilo, Habano estas ĉiujare vizitata de multaj turistoj, ĉefe usonanoj.

*Eksporto de marmoro el Italio.* — Dum 1926 Italio eksportis 358 788 tunojn da marmoro, kiu valoris rondcifere 249 milionojn da liroj. Ĉefaj aĉetantoj estis Usono kun ĉirkaŭ 73 000 tunoj, Britlando kun 45 000 tunoj kaj Franclando kun 38 000 tunoj. La tuta nombro de marmorminoj en Italio estas 742, el ili 40 en la regiono de Carrara, 85 en la regiono de Massa, 110 en Versilia kaj 57 en Garfagnana.

*Cent jaroj: Aŭstralio.* — Estas nun proksimume cent jaroj, ke oni fiksis definitive post sufiĉe longa disputado la nomon „Aŭstralio“ por la kvina kontinento. Strange estis la historio de tiu ĉi nomo kiel la tuta trovo de la kontinento mem. Jam 1598 la holanda maristo Cornelius Wytfliet skribis de „Terra Australis“ kiel plej sude situantan landon kaj disigitan de Nova Gvineo per mallarĝa strato. Sed li ne menciis ŝipon, kiu pasis tiun marstraton aŭ kolon. 1606 la hispano Pedro Fernandez de Quiros alvenis ĉe la Novaj Hebridoj kaj opiniis esti trovinta la grandan kontinenton sur la suda duonglobo. Li nomis ĝin „Australia del Espiritu Santo“ honore al la habsburgano Filipo III-a de Hispanio. Li daŭrigis la vojaĝon orienten ĝis Peruo, dume la dua komandanto iris okcidenten inter Papuo kaj Aŭstralio. La efektivaj trovintoj de Aŭstralio estis la holandanoj, speciale Tasman, laŭ kiuj la kontinento nomiĝis komence „Nova Holando“. Charles de Brosses, franca literaturisto (1709—1777), en sia libro „Histoire des Navigations aux Australes“ aperinta en Parizo 1756, uzis la vorton „Aŭstralazio“ ĉe sia dispartigo de la globo. John Dalrymple (1673—1747) en antaŭparolo de „Historical Collection of Voyages and Discoveris in the South Pacific Ocean“ (London 1770) nomis „Australia“ la orientan regionon de Sudameriko. Shaw kaj Smith en la verko „Zoology and Botany of New Holland“ (1793) skribas pri kontinento de Aŭstralio, Aŭstralazio aŭ Nova Holando. La maristo Matthew Flinders dum kaptiteco sur Ile de France verkis libron „Voyage to Terra Australia“, 1803—1810. Li defendis la postulon, nomi Novan Holandon „Aŭstralio“, ĉar ĝi estus bona kaj praktika nomo. Lia propono trovis malrapide aprobon. La aŭstralia guvernisto Macquarie esprimis 1817 la esperon, ke estonte oni apliku la nomon „Aŭstralio“. Gis 1827 tiu ĉi nomo fine akceptiĝis. En la sama jaro raportis la botanisto Cunningham en sia „Two Years in New South Wales“ (Du jaroj en Nova Suda Valezo) pri la fina uzo de „Aŭstralio“ kiel nomon por la kvina kontinento.



# LITERATURO



## Amo en aŭtuno.

De *Alfred Polgar*

Trans la monteton, sur kiu staras la benko antaŭ la arbo, furiozas decembra vento, kvankam nur estas Novembro. Ĝi forprenas de la arbo la lastajn foliojn kiel ekzekutisto prenas la lastan vestaĵon de malriĉulo; baldaŭ ĝi havos nenion plu por kovri sian nudan korpon. Ĉio estas griza kaj malmola ĉirkaŭ la arbo, ĉio kolora forigita, disŝiritaj foliaraĵoj kaj pinglaĵoj kovras la teron: restaĵoj de la naturo, kiu forloĝiĝis de ĉi tie je la templimo aŭtuna.

Sur la benko viro sidas. Vento kaj malĝojo trafrostas liajn animon kaj ostojn. Antaŭ du horoj li ricevis leteron, en kiu la amatino sciigas lin, ke ŝi ne plu volas esti la lia. Kaj tial li venis ĉi tien sur la monteton al la benko, post kiu staras la arbo, kiun la vento skuas kaj aĉigas kiel la amo la bedaŭrindan migranton.

Ĉi malsupre estas la urbo, kie ŝi vivas. Kvankam, kelkaj milionoj da enloĝantoj tie ekzistas apud ŝi. Sed kiom ili valoras al la viro? Li sentas ilin fantoma statistaro seninterrompe murmuranta.

Ĉi malsupre kuŝas la urbo fiksigita per la gravitacio, por ke ĝi ne forfalu, kun magazenoj, teatroj, buĉejoj, gazetoj, kinematografejoj, malliberejoj kaj ĉiaj kulturaĵoj. Sed al la malĝojulo ĉio tio nur ŝajnas esti pentrita kuliso metita ĉirkaŭ la sola vere plastika domo.

Ĉi malsupre troviĝas la urbo, en kiu, same kiel en ĉiu urbo, multo estas farata, pensata, amata. Fumgrize, trafulmate vualkovras ĝin nubo de faradoj, en miriadoj da fadenoj faldpendas la reto kiun cerboj ŝpinas, kaj la rozvualaĵo de la amo sin trapremetas kie estas spaco. Kaj ĉio tio estas envolvita en pura etero. Supre la eternaj steloj vibras kaj super ili la eterna nenio (kiu ankaŭ estas konata je aliaj pseŭdonimoj).

Grandega urbo. Ĝi pulsas per milionoj da ĉevalpovoj skuantaj stratojn kaj domojn. En ili ĉiuj oni vivas kaj mortas senlace. Pri tio oni pensu kiam oni emas, opinii tro gravaj proprajn vivon kaj morton. Kaj, ĉirkaŭrigardante la domamason gigantan, tranĉitan je multaj blokoj, la viro opiniemas, ke la unu domo gardanta lian mizeron, malaperas en la ŝtona kompaktaĵo. Li havas vizion: homara komedio, kiu jen okazas sur centmil etegaj scenejoj, kaj ŝajnas al li, ke la sceno, je kiu la propra koro okupiĝas, estas eble forstrekinda. Neniukaze valorus finludi ĝin. Ho, urboj kun kelkaj milionoj da loĝantoj estas balzamo sur amdoloro. Se oni konsideras, ke ekzistas multaj tiaj urboj kaj krome kelkaĵoj inter ili, ke la mondo havas tri dimensiojn senlimajn kaj kvaran en la spirito, tiam tute sensenciĝas sin mortpendigi pro ino, kiu ne volas.

Eto da oktobra sunbrilo trafas la trankviliĝinton, kvankam estas Novembro. Trans la monteton bona pura vento blovas senigante la arbon de aĉaj folirestaĵoj kaj pretigas ĝin por vintra ripozado kaj nova printempo.

Facile la viro valenpaŝas, vespermanĝen.

Sed, aĥ, kun ĉiu paŝo, kiun li iras pli profunden, plimaldensiĝas la ĉarmo, per kiu scieto pri la mondvasteco mildigis lian zorgon, kun ĉiu paŝo etiĝas la multnombro de la urboj kaj de tio, kio krome estas inter ili, je unu sola urbo, la urbo je sola strato, la strato je sola domo, super kiu, nur super kiu-ĉi vibras la eternaj steloj. Tie ŝi spiras, ĵus vespermanĝas ovon kun iom da verda salato sen oleo (pro la kalorioj), kaj en ŝia eta mano kuŝas la vasta konsolinta lin mondo kvazaŭ paperbuleto ,kiun ŝi povas forĵeteti — tiel! — per movo de la fingroj.

Esperantigis *Vaŭ-be*

---

## La arbarego de l' vivo.

(El „La Animo de la popolo" de *H. Fielding*)

Estis granda arbarego. Tiu estis plena de gigantaj arboj, kiuj kreskis tiel alten kaj estis tiel dikaj supre, ke la sunbrilo ne povis penetri ĝisfunden. Kaj estis grandaj rampantaj kreskaĵoj, kiuj etendiĝis de arbo al arbo, rampantaj tie kaj forĵetantaj malsupren grandajn fadenojn. Sub la arboj kreskante laŭlonge de la tero estis pli malgrandaj rampaĵoj plenaj de dornoj, kiuj ŝiris al la vagantoj kaj baris ilian vojon. La arbaroj estis ankaŭ plenaj de serpentoj, kiuj rampis sur la tero, per siaj grizaj kaj flavaj haŭtoj tiel similaj al la tero, kiun ili surrampis, ke la vagantoj surpaŝis ilin nekonscie, kaj mordiĝis; kaj kelkaj estis tiel belaj per koralringoj kaj oraj strioj, ke homoj levis ilin, kvazaŭ gemojn delikatajn, ĝis la serpento sin turnis kaj mordis ilin.

Tie kaj tie ĉi en tiu arbarego troviĝis etaj aleoj entenantaj florojn. Belaj floroj ili estis kun profundaj blankaj tasoj kaj glatbrilaj folioj kaŝantaj la purpuran frukton; kelkaj havis skarlatajn florojn, kiuj balanciĝis kiel dormemuloj kaj estis longaj festonoj de blankaj steloj. La aero peziĝis per ilia odoro. Sed ili estis plenaj de dornoj, tamen oni ne povis vidi la dornojn ĝis post kiam oni deŝiris la florojn.

Tiun ĉi arbaregon penetris vojoj. Multaj estis tre larĝaj kondukantaj tra la arbarego diversdirekten; kelkaj foje interrompantaj sin en la aleoj; aliaj plimalpli evitantaj tiujn, sed neniu estis rekta. Ĉiam se oni sekvis ilin, ili kurbiĝis kaj kurbiĝis ĝis, post nelonga vagado oni denove estis je la komencloko; kaj ju pli mola la herbo sur la vojo, ju pli dolĉaj la aleoj flankantaj ĝin, des pli rapide ĝi kurbis sin.

Estis unu vojo, kiu iris rekten, sed ĝi estis malproksima de la aliaj. Ĝi kondukis inter la rokoj kaj krutaĵoj, kiuj limis unu flankon de la valo. Ĝi estis tre malglata, tre malproksima de ĉiuj aleoj en la malsupro. Neniaj floroj kreskis apud ĝi, ekzistis nek musko, nek herbo sur ĝi, nur malmolaj akraj rokoj. Ĝi estis tre mallarĝa, borderita per krutaĵoj.

Estis multaj lumoj en la arbarego; lumoj, kiuj ekflamis kaj mortis kiel sunsubiroj; lumoj, kiuj venis kiel fulmo en la nokto, kaj simile malaperis. Tiu ĉi arbarego neniam estis tute malluma, ĝi estis tiel plena de tiuj ĉi lumoj, kiuj ekbrilis sencele.

Estis homoj en tiu ĉi arbarego, kiuj vagadis tien kaj reen. La arbarego estis plena de tiuj. Ili ne sciis, kien ili iris; ili ne sciis, kien ili volis iri. Sole ili sciis, ke ili ne povis stari senmove, ĉar la estro de tiu ĉi arbarego estis L a T e m p o. Li estis armita per akra vipilo, kaj konstante li pelis ilin antaŭen; ne estis ia ripozo.

Multaj, kiam ili ekvenis, amis la arbaregon. La aleoj, ili diris, estis tre belaj, la floroj tre dolĉaj. Kaj tial ili vagadis sur la larĝaj vojoj en la aleojn, kaj provis kuŝiĝi sur la muskon kaj ami la florojn; sed L a T e m p o ne permesis al ili. Nur kelkajn momentojn ili havus pacon; poste ili devis antaŭeniri. Tamen, pri tio ili ne zorgis. „La arbarego estas plena de aleoj", ili diris, „se ni ne povas vivi en unu, ni trovos alian." Kaj tial ili iris en aliajn kaj jen aliajn, kaj ĉiu malpli plaĉis al ili.

Estis malmultaj, kiuj ne iris al la aleoj. „Tiuj estas tre belaj", ili diris, „sed kien kondukas la vojoj, kiuj ilin trapasas?" „Ĉirkaŭe, ĉirkaŭe kaj denove ĉirkaŭe. Nenia paco troviĝas tie. L a T e m p o regas en tiuj aleoj. L a T e m p o kun siaj vipilo kaj pikilo, kaj estas nenia paco. Tio, kion ni volas, estas la paco. Kaj tiuj lumoj", ili diris, „ili estas vagantaj lumoj, kiel la somera fulmo malproksime en la sudo, moviĝanta tien kaj reen. Ni ne deziras tiajn lumojn. Nia lumo estas firma kaj klara. Ni deziras pacon; ni ne deziras eterne vagadi ĉirkaŭ la arbarego, vidante ĉiam tiujn moviĝantajn lumojn."

Kaj tial ili ne iris sur la serpentumantaj vojoj, sed provis la vojeton sur la krutaĵoj. „Ĝi estas mallarĝa", ili diris, „ĝi havas neniajn florojn; ĝi estas rokplena, sed ĝi estas rekta. Ĝi kondukas nin al difinita celo, ne ĉirkaŭe kaj ĉirkaŭe — ĝi ja kondukas nin i e n. Kaj estas lumo", ili diris, „antaŭ ni, la lumo de stelo. Tiu estas malforta nun, sed ĝi ĉiam estas firma ĝi neniam ŝanceliĝas nek plimalfortiĝas. Ĝi estas la stelo de la vero. Sub tiu stelo ni trovos tion, kion ni serĉas."

Kaj tial ili iris sur la elektita vojo, pene sur la rokoj, falante de tempo al tempo, ŝanĝante pro vundoj kaŭzitaj de la akraj pintoj, pieddolorigite, sed fortkore. Kaj ĉiam antaŭenirantaj, ili pli kaj pli malproksimiĝis for de la arbarego, pli kaj pli for de la aleoj kaj la floroj kun la venenaj odoroj; ili aŭdis pli kaj pli mallaŭte la krakon de la vipilo de L a T e m p o falanta sur la ŝultrojn de la vagantoj.

La stelo fariĝis pli kaj pli proksima, la lumo fariĝis pli kaj pli granda, la falsaj lumoj velkis post ili, ĝis fine ili eliris el la arbarego, kaj trovis la lagon, kiu forlavis ĉiajn dezirojn sub la suno de L a V e r o. Ili ja gajnis la celon. L a T e m p o kaj L a V i v o, L a B a t a l o kaj L a L u k t a d o estis post ili, ne povis ilin sekvi, kiam ili venis, lacaj kaj pieddoloraj en la G r a n d a n P a c o n.

Kaj pri tiuj postlasataj, pri tiuj restintaj en la aleoj por kolekti la mortigajn florojn, ĉiam pelitaj per la vipilo de L a T e m p o, kio pri ili? Certe ili lernos. La bonkora vipilo de L a T e m p o estas malantaŭe; li neniam permesos resti en tiu mortiga arbarego, ili devas ĉiam antaŭeniri; kaj irante ili fariĝos pli kaj pli lacaj; la forte odorantaj floroj pli kaj pli abomenaj. Ili ankaŭ trovos la dornojn. Komence ili forgesis la dornojn en la floroj. „La floroj estas belaj", ili diris, „ni ne zorgas pri la dornoj. Ne, la dornoj estas bonaj. Estas plezuro batali kontraŭ ili. Kia estus arbarego sen dornoj? Se ni povus kolekti la florojn kaj ne trovi dornojn, ni ne amus ilin. Ju pli da dornoj, des pli valoraj la floroj."

Tiel ili diris, kaj ili kolektis la florojn, kaj tiuj velkis. Sed la dornoj ne velkis; ili daŭre restis. Ju pli da floroj homo kolektis, des pli da dornoj li devis surporti, kaj L a T e m p o ĉiam troviĝis post ili. Ili volis ripozi en la aleoj, sed L a T e m p o volis, ke ili ĉiam antaŭeniru; nenia returniĝo; nenia ripozo; ĉiam kaj ĉiam antaŭen.

Tial ili fariĝis tre lacaj.

„Tiuj floroj", ili diris fine, „estas ĉiam similaj. Ni tediĝas je ili; ilia odoro estas troforta; ili jam mortis. Tiu arbarego estas plena nur de dornoj. Kiel ni liberiĝu de ĝi? Ĉiam ĉirkaŭirante ni pli malamas la florojn; ni sentas la dornojn pli akre. Ni devas liberiĝi! Ni naŭziĝas de L a T e m p o kaj lia vipilo; niaj piedoj estas tre lacaj; niaj okuloj estas blindetigitaj kaj malfortaj. Ni ankaŭ serĉas L a P a c o n. Ni antaŭe ridis je tiuj, kiuj iris la rokplenan vojeton; ni ne volis La Pacon; sed nun tio ŝajnas al ni la plej bela afero en la mondo. Ĉu L a T e m p o neniam ĉesos antaŭenigi nin? Ĉu tiuj lumoj neniam ĉesas ekbrili tien kaj reen?"

Kaj tial, ĉiu homo fine turnos sin al la rekta vojo. Li lernos. Fine ĉiu homo trovos, ke la arbarego estas malinda; ke la floroj estas mortigaj; ke la dornoj estas teruraj; ĉiu homo lernos timi L a T e m p o n.

Kaj tiam, kiam venos la sopiro al L a P a c o, oni iros al la rekta vojo kaj ĝin trovos; nenia homo restos eterne en la arbarego. Li lernos. Kiam li estas tre laca, kiam liaj piedoj estas plenaj de dornoj kaj lia dorso striita per la vipfrapoj de L a T e m p o — granda

bonkora tempo — la lernejestro de la mondo — tiam li lernos.

Nur tiam, kiam li estos ellerninta, li deziros eniri en la rektan vojon. Sed, fine, ĉiuj homoj venos.

Tiu ĉi estas birmana alegorio de la Budhismo.

Trad. *J. T. Holmes*

## L' Almozulo.

Ĉiutage kun vespero
Venas almozulo
Kaj li staras longajn horojn
Ĉe la stratangulo.

Viro eble kvindekjara
Kun mizera masko,
Tial, ke kompaton veki
Estas lia tasko;

Ftiza tuso temp-al-tempe
Skuas lian kapon, —
Pli insiste li etendas
Grasmakulan ĉapon.

Li al bonaj virinetoj
Raŭke dankon maĉas,
Post avaraj senkoruloj
Li indigne kraĉas.

Kaj senbrue, malrapide,
Kiel li alvenas,
Li, parenc' de noktaj ombroj,
Lame sin fortrenas.

Ĉiutage je noktmezo
Brute sen kompato
Ŝiras min el sana dormo
Bruo sur la strato;

L' almozulo kun kolegoj
Dancas farandolon
Kaj ebriaj ili grakas
Venĝan karmanjolon.

*Raymond Schwarz*

## Anekdoto el la vivo.

Lerneja inspektoro en Parizo iun tagon iris, akompanite de sia filo, al iu gimnazio. Li petis permeson, paroli kun la direktoro de la instituto, sed ne diris sian veran nomon. La pedelo revenis kun la ordono, ke la sinjoro venu al la direktora ĉambro. La inspektoro frapis al la pordo. Voĉo respondis: „Eniru!" Li eniris. Li vidis la direktoron antaŭ la skribotablo kaj okupita pri skribado.

La direktoro ekrigardis momenton, kapsalutis supraĵe kaj diris: „Eksidu momenton!" Kaj tiam li daŭrigis la skribadon. Ili atendis. Daŭris kelkan tempon ĝis la direktoro finis la leteron. Fine li subskribis la leteron, faldis ĝin, metis ĝin en koverton kaj surgluis la poŝtmarkon. Kaj tiam, sen iu senkulpigo kaj formo de ĝentileco demandis al la alveninto: „Kiun aĝon havas la knabo?" „Dudekdu jarojn." „Ĉielo kaj tero, kiun karieron li sekvu?" „Li fariĝu mia privata sekretario." „Nu . . . Kaj pro tio vi dezirus lin sendi al mia gimnazio?" „Ne, sinjoro." „Sed, diablo. Kion vi tiam deziras tie ĉi?" — „Mi simple deziris konstati, kiamaniere vi akceptas la gepatrojn de lernantoj . . . ĉar mi estas la lerneja inspektoro."

## La spiritoj

De *G. E. Lessing*

Gotthold Ephraim Lessing, germana klasikulo, verkinto de „Nathan la saĝulo", „Minna von Barnhelm", trad. en Esperanto.

La maljunulo: Ne estu vi, junulo, senrespekta
malkonfesante la spiritojn tute!
Mi mem ekvidis: tia senkorpul-aspekta,
mi tra fenestro ĝin observis mute,
sur tombo en lunlumo sidis ĝi.
Spiritoj do ekzistas inter ni.

La junulo: Mi tute ne al vi kontraŭas,
spiritoj certe nin ĉirkaŭas.

La maljunulo: La horon kiam mortis nevo mia,
(Li estis vera bonkorulo)
ekvidis servistino lia
vespere ĉerkon en angulo,
sur kiu homaj ostoj sidis.
De tiam pri spiritoj mi ne ridis.

La junulo: Mi tute ne al vi kontraŭas,
spiritoj certe nin ĉirkaŭas.

La maljunulo: Amiko mia en milito falis
sur batalejo en la lasta jaro;
samnokte kiam morto lin vualis,
edzino lia aŭdis en arbaro
noktuojn krii pri la mortigito —
jen tie aŭdebligis sin spirito.

La junulo: Mi tute ne al vi kontraŭas,
spiritoj certe nin ĉirkaŭas.

La maljunulo: Brueto en la kelo min turmentas,
mi maldormante en la ĉambro restas.
Sed la spiritoj tuje eksilentas,
se mia filo ree hejme estas.
Kaj sciu, ili estas vintrinkuloj,
reaperantaj el inferanguloj.

La junulo: Nenion mi kontraŭan al vi diras,
sed esti inter ili mi deziras . . .

. . . . . . . . . .

Fino cenzurita. (Red.)

Esperantigis *Vaŭ-be*



# Kristnaska rakonto por infanoj.

## La vespera poŝtisto.

Originalo de *Edmond Privat*

Panjo, diris la japana knabeto grimpante sur la patrinan genuon, rakontu al ni anekdoton kristnaskan. Tuj la filineto ankaŭ alkuris kaj ekkaresis: Jes, panjo, pri kristnasko! Baldaŭ la fremduloj eŭropaj ĝin festos. Anglino rakontis al ni.

Do kion fari? Kun grandaj brunaj okuloj ili rigardis atendege. Necesis ion imagi. En Eŭropo, ŝi diris, kaj ankaŭ en Ameriko, la familioj festas kristnaskon. Estas por ili tre bela tago, speciale la antaŭvespero.

Iam, en montara lando, estis ĝuste tiu fama vespero. Ekstere falis la neĝo, falis, falis, kiel lano aŭ kotono senbrue, senhalte, ĉie, ĉiam, milde. Ĉiuj montoj estis blankaj. Ĉiuj valoj estis blankaj. Ĉiuj kampoj same. Ĉiuj vojoj, ĉiuj arboj, ĉiuj tegmentoj. Ĉio blanka.

Maljuna poŝtisto finis sian vesperan disportadon de leteroj al la domoj de unu vilaĝo. Li baraktis pro la neĝo, liaj piedoj profundiĝis en la blankan malsekaĵon. Ĉiu paŝo lia restis poste kiel nigra foso. La ĉielo malheliĝis. Super montoj brilis ankoraŭ iom da ruĝo, sed jam eklumis steloj supre, unu post alia.

La poŝtisto portis tre pezan sakon. Hodiaŭ estis multaj pakaĵoj, multaj donacoj por la infanoj. Tra la fenestroj de l' domoj li povis jam vidi kiel oni festas. En la manĝoĉambro staris abio kovrita per brilaĵoj. Sur ĉiu branĉo lumis kandeleto. De ĉiu branĉo pendis pomoj, ĉokoladoj, oranĝoj, bombonoj en arĝenta papero, oritaj girlandoj suprenirantaj ĝis plej alte. Tute supre brilis pupo el japana papero. Ĝi prezentis maljunan viron kun longa blanka barbo kaj blanka robo. Eŭropaj infanoj nomas lin „Patro Kristnaska".

En ĝoja rondo ĉirkaŭ la festarbo ili dancas kaj kantas je honoro de la Patro Kristnaska, ĉar li alportas dum la nokto la donacojn. Vespere la infanoj metas la ŝuojn en la kamenon kaj iras enlitiĝi. Tiam la gepatroj kaŝe plenigas la ŝuojn per ĉiuspecaj pakaĵetoj, ludiloj, kukoj, frandaĵoj. Dum la nokto la etuloj songas belajn revojn pri ĉio, kion ili esperas trovi matene ĉe la kameno.

Domon post domo, la poŝtisto alpaŝis, sonoris, donis leterojn kaj sendaĵojn. La sako jam plimalpeziĝis, sed li estis laca. Ĉiam la neĝo falis. Malfacile estas marŝi. Li zorge kovris la sakon per sia mantelo por ke ne malsekiĝu la donacoj. Rideto brilis sub lia frostkovrita lipharo, ĉar li pensis pri la plezuro de la infanoj, kiam ili malfermos la pakaĵojn.

En preskaŭ ĉiu domo brilis jam abio. Nun estis tute malhele ekstere kaj pli kaj pli malvarme. Kiel agrable sidas la familioj interne! Kiel bele aspektas la Patro Kristnaska supre kvazaŭ reĝo de la cent kandeloj lumigitaj!

Estas mi la vera Patro Kristnaska! pensis la viro, kiam lia sako estis tute malplena kaj li penis rapidi al propra dometo tra la mallumo. La neĝo efektive ĝenis. Ankaŭ la frosto. Li eltiris la elektran lampeton por retrovi siajn antaŭajn paŝtruojn. La vojo estis tute dezerta. Neniu eliras ĉe tia vespero. La poŝtisto preterpasis la vilaĝan lernejon, silentan en ombro. Fine li atingis la hejmon. Ĝi estis pinta dometo, sufiĉe beleta. Sed en ĝi neniu lin atendis. Lia edzino mortis antaŭ kelkaj jaroj. Liaj gefiloj laboras malproksime en grandaj urboj. Jam estingiĝis la fajro en la forno. Li skuis for la neĝon de sia mantelo. Odoris la ŝtofo kiel hundo malseka. La poŝtisto manĝis pecon da fromaĝo kaj iris tuj al lito. Laca, lacega. Malvarmaj piedoj. Feliĉe la dormo venis baldaŭ. Ĉio silentis.

Ankaŭ lin vizitis songo dum la nokto. En la trankvila vilaĝo ŝajnis kvazaŭ aŭdiĝis kantoj aŭ sonoriloj, ĉiam pli laŭte, ĉiam pli muzike. Subite eksonis granda gaja krio: „Estas li la vera Patro Kristnaska. Estas li, la poŝtisto!" Ĉiuj pordoj malfermiĝis, Brilis la lumo. Venis varmo. Knabinoj, knabetoj eliris kun sakoj da bombonoj, kun oranĝoj, kun lanaj ŝtrumpoj kaj belaj pantofloj, nova pipo, luksa tabakujo, cent kaj mil dezirindaĵoj. Ĉiuj alkuris, svarmis ĉirkaŭ lia domo, ensaltis tra la fenestroj, serĉis liajn malsekajn ŝuojn. Li aŭdis eĉ la bruon ĉe la kameno kvazaŭ musoj aŭ ratoj batalus tie. Ĉiujn belaĵojn la infanoj amasigis sur la ŝuojn kaj forflugis gaje kvazaŭ anĝeletoj. Eĉ unu ĵetis kiseton per la mano resaltante tra la fenestro: „Vivu nia kara aminda Patro Kristnaska, kiu alportas la pakaĵojn spite laco, neĝo kaj frosto. Vivu!"

Vivu! ripetis ĉiuj ĥore kaj ili malaperis. Estis vere bela songo.

Kiam alvenis la mateno kaj la poŝtisto vekiĝis . . . „Ne, panjo", ekkriis la knabineto kun terurigita rigardo. „Ne daŭrigu! Estos tro malĝoje, se li vekiĝos. Li trovos nenion en la ŝuoj kaj vidos, ke estis nur songo kaj bruo de musoj."

„Nu," diris panjo, „kiel mi do rakontu? Ĉu ke la poŝtisto neniam vekiĝis kaj mortis ĉe la bela songo?"

„Ne, panjeto, ankaŭ tio estus tro malgaja. Oni devus averti la eŭropajn infanojn por ke ili sciu do kiu estas la vera Patro Kristnaska. Tiam ili invitos vere lin al la festo, ne nur la pupon."

* * *

### Nia konkurso pri desegno.

Nia redakcio volonte ricevos desegnaĵojn pri la poŝtisto aludita en la kristnaska rakonto de D-ro Privat kaj publikigos la plej bonan. Rajtos partopreni nur infanoj malsuper 14. La tri plej sukcesaj ricevos belan premion.

# La Rimo en Esperanto.

Problemoj de l' instrumentigo.

De *N. Hohlov*

La poezio de Esperanto ne konas embrian, junecan aĝon de la poezioj naciaj. De sia patro — la aŭtoro de la lingvo mem — ĝi ricevis jam pretan modelon de tonika metriko. Tial Esperanto ne konas ankaŭ la naturan, supreniran evoluon de la rimo, kiu okazis en la poezioj naciaj: nome, la vojon de la mezepoka aliteracia verso ĝis la versoj kun „kanonizita" rimo.

Sed poezio de Esperanto partoprenas la malsupreniran procedon en la „malkanonizo" de sia klasika rimo. Post la tute natura forigo de la rimoj „adasistaj" (merito de A. Grabowski), la pluaj esploroj kaj aplikoj en la regiono de asonancoj, kiujn faris niaj poetoj D-ro K. de Kalocsay kaj J. Baghy, same kiel teoriaj antaŭvidoj de konata poeto N. Nekrasov („Sennacieca Revuo") klare al ni montras, ke la procedo de tiu malkanonizo iras laŭ certa direkto, al kiu estas facile trovi paralelojn en multaj poezioj naciaj.

Malgraŭ la multaj tendencoj, celantaj plene liberigi la verson de la katenoj rimaj, la rimo en la nuntempa poezio ne perdis sian valoron de ĉefa rimedo, kreanta la verson. Tial la problemo de la rimo en Esperanto estas ankoraŭ ĉiam aktuala.

La malriĉa provizo da pretaj bonaj rimoj, kiun posedas nia nuna vortaro, tre rapide faris multajn niajn perfektajn rimojn banalaj aŭ trouzitaj: *amo-flamo, koro-doloro* ktp. La sinteza derivado de novaj vortoj faras tiajn vortojn tre ofte nerimeblaj, pro la „adasista" karaktero de la paralele-senca rimado. La asonancoj ampleksigis nian rimaron en procenta rilato ne tro riĉe.

La neceso pliampleksigi la instrumenton, per kiu nia poezio povus almiliti pli multajn korojn de la tutmondaj belamantoj, devigas nin trovi novajn vojojn, novajn rimedojn. Ni travivas kvazaŭ la iaman tempon, en kiu la mezepoka orgeno estis anstataŭata per fortepiano, en ties primitiva tipo-virĝinalo.

Kiel tiam subite plilarĝiĝis la skalo de la sonoj kaj ebleco produkti teknike pli variajn tonojn — tiel same nia nuna rimado devas esti instrumentigita per novaj sonoj kaj duontonoj, nuancigita kaj akcentita per muzika duonharmonio de rimojdoj, proksimumaj sonreduktoj, do per proksimumaj akustikaj rimoj.

Sed, antaŭ ĉio, tio postulas pli grandan kaj metodan laboron, farotan de niaj, precipe originalaj, poetoj. Oni ĉerpu el la koncernaj naciaj poeziajoj modernaj nur ilian eksteran formon, lasitan al si liberan elekton de la enhavo, ĉar nur libera, propra ideo kapablas enmeti maksimumon de la beleco en la formon.

La ideo de la akustika rimo ne estas nova en nia poezio. Tiujn rimojn jam provis uzi siatempe kelkaj rusaj samideanoj. Sed estas iomete strange, ke tiom granda estetikisto, kiel D-ro K. de Kalocsay, en sia artikolo („Literatura Mondo" 1922, paĝo 20) nomis kelkajn tiajn rimojn — rimoj, kiuj ne sentiĝas rimoj.

Mia nuna artikolo pretendas nenion alian, ol metodan sistemigon kaj defendon de la nomitaj akustikaj rimoj.

Fakte, la rimoj bazitaj sur parenceco de la tono ĉe kelkaj vokaloj, estas plejparte produkto de la rusa poezio, sed tio ne signifas, ke ili ne povus esti bonega akcesora rimedo ankaŭ en Esperanto.

La postakcenta finiĝa vokalo, eĉ diftongo, kiu diferencas de la vokalo uzita en sampara rimo, je unu aŭ du transiraj tonoj, sentigas la rimon kaj donas plene kontentigan akustikan impreson. Ni ne forgesu la ĝeneralan principon, ke la rimo devas antaŭ ĉio kontentigi akustike la orelojn, kaj jam post tio kontentigi la gramatikajn okulajn postulojn. Alie la nuntempa rimado en la franca aŭ angla poezioj estus treege ligita, kiel ĝi estis iam, en la epoko de la „riĉa" rimo.

Se ni parigos la proksimuman similecon de la tonoj en la vokaloj ne hazarde, sed ĉiam laŭ la tabelo de fonemoj, kiun montris al ni nia lingvologo, S-ro Petro Stojan („Esperanto" 1926, paĝo 104), tiam ni rimarkos, ke kunparigo de la rimoj laŭ la skalo:

U : O : A : E : I, kiel:

*avertu-sperto, averto-sperta, averta-sperte, averte-sperti,* tute kontentigas la muzikecan orelon kaj elvokas eĉ ian specifikan nuancon de ĉiama duonfariteco, ĉiama dinamiko, ne finita, sed tamen sufiĉe ekvilibra por ne fali renversite.

Se la akcentita vokalo de tiu ĉi rimo trovas bonan apogon ĉe la antaŭanta konsonanto, kaj nepran apogon ĉe la postakcenta enfermanta — tiam la tuta rimo, malgraŭ la diverseco de la finaj vokaloj, sentiĝas tre kontentiga kaj pli ol sufiĉa.

Pli certaj kaj harmoniaj estas rimoj, ĉe kiuj ni duonreduktas (plena redukto estas neniam ebla en Esperanto pro ĝia fonetiko) la finajn duonvokalojn „ŭ" kaj „j" en la diftongoj, kaj postakcentajn konsonantojn, starantajn ĉe la fino de la vorto.

La ekzemplojn de tia rimado de la diftongoj kun puraj vokaloj ni trovas en la poezio franca, kiun oni ne povas riproĉi pro malatento rilate ĝustecon de la rimoj. Tiel, en la epoko, kiam la diftongo „au" ankoraŭ estis plene elparolata en la franca lingvo, ni trovas ĉe la malnova poeto Huon de Bordeaux rimojn, similajn al: „cevaus-mas" ktp. Ankaŭ diftongoj estas ofte kunpasigataj al dividite prononcataj vokaloj:

*Rayonne, étourdissant ce qui s'évanou-it,*
*Eden étrange fait de lumière et de nuit.*

(V. Hugo, Contemplations, 112.)

La rusa poezio precipe vaste uzas la reduktadon de la duonvokala finiĝo en la neakcentitaj diftongoj. La rusaj aj, yj, oj perfekte kombiniĝas kun a, y, o ktp., elvokante neniajn protestojn ĉe la plej muzikecaj oreloj. Kontraŭe, la lastatempaj talentaj rusaj poetoj koncentrigas sian atenton precipe sur tiun nuancon kaj vaste eluzas ĝin.

Ne estos do iu sakrilegio, se ni rimigos la vortojn:

Kvazaŭ-ekstaza, aŭ eĉ ekstazo,
hodiaŭ-radia, aŭ eĉ nenio,
prunoj-aŭtuno,
parolaj-konsola ktp.

Same en la proksimigo de la diftongoj al dividitaj vokaloj:

Pomujo-enuo, pereo-rifuĝejo, ĝoje-troe ktp.

Se iam niaj poetoj komencos uzi la ŝancelan metrikon de la fama Walt Whitman, ili certe vidos la valoron eĉ de tia rimigo:

Pomuj'-enui, perei-rifuĝej' ktp.

Kio koncernas la duonredukton de la finaj konsonantoj, ni ree, kaj antaŭ ĉio, povas trovi multegajn ekzemplojn de tia redukto en la naciaj poezioj:

*Es war einmal ein König,*
*Der hatt' einen grossen Floh,*
*Den liebt er gar nit wenig*
*Als wie sein' eignen Sohn . . .*

(Goethe, „Urfaust" 1775.)

*Jette tout à ses pieds; apprends-lui que je suis*
*Dis-lui que je me meurs, que tu n'as plus de fils.*

(A. Chénier, Poésies, 274.)

aŭ jenajn rimojn: regret-net (Lafontaine), fier-premier (Racine), Venus-nus (V. Hugo) ktp.

La ekzisto de tia redukto precipe en la poezio franca, por kiu *la rime est l'unique harmonie des vers et elle est tout le vers* = „la rimo estas sola harmonio de la versoj kaj ĝi estas entute la verso" (Th. de Banville, „Petit Traité"), signifas, ke ankaŭ ni havas rajton apliki la samon al nia poezio.

Fakte, la rimoj: sonos-persono, bruis-enui, pretenda-atendas, hipokrita-incitas, kiu-krius, vendo-atendon, bonajn-sonaj, neniesmanie, kiel ajn strange ili aspektas por la okuloj, tamen por la oreloj restas akustike tute bonaj. Krome, oni sentas kvazaŭ ian „enjambment" (rejeton) de la superflua konsonanto al la sekvanta linio. Tiel en la versajo:

*Vespero aŭtuna, muziko zumventa . . .*
*Soleco, ermita inerto . . .*
*La kapo kliniĝas, la koro ne sentas*
*Minacon de l' bato averta . . .*

la fina „s" en „sentas" kvazaŭ ligiĝas al la komenca vorto de la lasta linio: „'s-Minacon . . .", lasante la „a" en „sentas" bone rimiĝi kun „zumventa".

Tiuj notoj tuŝis por tiu ĉi fojo nur la eblecojn ĉe la virinaj rimoj. La nuancigo, reliefigo de la duonharmonio en tiaj rimoj servas ofte por turni nian atenton al la senco de la substrekata vorto. La uzado de tiuj rimoj estu miksata kun la paralela uzado de la plenharmoniaj. Kvankam, tre spertaj poetoj povus komponi ankaŭ kompletajn duontone-rimajn versajojn, sed tio postulas lertecon kaj sufiĉan guston.

Estos nun devo de niaj literaturistoj kaj poetoj esplori la tuŝitajn punktojn, malgraŭ la personaj plaĉoj aŭ malplaĉoj. La komuna intereso en la plivastigo de niaj poeziaj rimedoj devas esti ĉiam vigle subtenata per diversaj proponoj kaj kontraŭproponoj. Se tio eĉ ne donus iun utilon, tamen tio servus al la praktika orientiĝo.

---

## Novaj libroj.

*Aŭstralio.* Lando kaj popolo. Originale verkita de A. Delsudo kaj Lauri Laiho. Kun 31 ilustrajoj kaj landkarto. Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig. 1927. 94 paĝoj, 14½ × 22 cm. Prezo, luksa tolbindajo: 6,50 RM.

*Historio de la lingvo Esperanto.* Dua parto, la movado 1900-1927. Edmond Privat. Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig. 200 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo, tole bindita: 6 RM.

*El la intima libro de la Verd-urbaj Esperantistoj.* Skizoj el la esperantista vivo. Ada. 1927. Eldonis At. D. Atanasov, Oboriŝte 68, Sofia (Bulg.). 72 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo: br.: 15 bulg. lv. = 0,60 sv. fr.

*Zamenhof-Radikaro* kun derivajoj kaj fontindikoj. Prizorgita de Paul Kirschke. Eugen Wüster. 1927. Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig. 84 paĝoj, 17 × 25 cm. Prezo br.: 6 RM.

*Radio Amatérsky Slovník.* Radio-amatora vortaro. Kvinlingva: esperanta-ĉeĥa-germana-franca-angla. Kompilis Otto Ginz, kunlaboris membroj de la internacia radio-asocio. Praha 1927. 218 paĝoj, 11½ × 15 cm. Prezo ne montrita.

*Ilustritaj Rakontetoj* kun demandoj de A. Kenngott, A. M. Belga Esperanto-Instituto, Kleine Hondstraat 11, Antverpeno. 48 paĝoj, 12½ × 16 cm. Prezo kun afranko: 1 RM = 1,25 sv. fr.

*Internacia Dialogaro.* Originale verkitaj dialogoj de diverslandaj aŭtoroj. Belga Esperanto-Instituto, Kleine Hondstraat 11, Antverpeno. 64 paĝoj, 12½ × 16 cm. Prezo: 1 RM = 1,25 sv. fr.

*Esperanto nach dem Fundamento von Dr. Zamenhof. Kleines Lehrbuch,* auch für den Selbst-Unterricht, von Arthur Degen. Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Abteilung, Leipzig. 48 paĝoj, 13 × 19½ cm. Prezo: 0,60 RM.

*Roston's rapid Esperanto Course.* 1927. The Linguaphone Institute, 24-27 High Holborn, London W. C. 1. Thirty Simple Lessons by M. C. Butler. 5-a eldono. 42 paĝoj, 12½ × 18½ cm. Prezo: 6 d.

*Welthumor in Esperanto.* Zwei-Sprachen-Bücher, Esperanto-Deutsch. Dr. Emil Pfeffer. Tagblatt-Bibliothek Nr. 541-542. Steyrermühl-Verlag, Wien I, Wollzeile 30. 88 paĝoj, 12 × 19 cm. Prezo: 0,50 RM.

*Esperanto — 50 ausgewählte Handelsbriefe.* Professor P. Christaller. (50 modelaj leteroj pri komerca korespondado.) Verlag von Wilhelm Violet, Stuttgart. 32 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: 0,75 RM.

*XIX-a Universala Kongreso de Esperanto* kaj III-a Somera Universitato en Esperanto, Danzig, 28. VII.—4. VIII. 1927. Eldonita de la Loka Kongresa Komitato. 96 paĝoj, 14 × 21½ cm.

*Pollando kaj Gdansk.* Ilustrita gvidlibro tra Pollando. Eldonita de Pollanda Esperanto-Delegitaro. Krakow. 1927. Havebla ĉe „Pola Esperantisto", Krakow, Smolenska 9. 128 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo ne montrita.

*Libera Urbo Danzig.* Ŝtatjura pozicio kaj ekonomia signifo. D-ro H. Martin. El la germana lingvo tradukita de Robert Kreuz, L. K. Eldonis Danziger Verlags-Gesellschaft, Danzig. 1927. 32 paĝoj, 10 × 17 cm.

*La Haveno de Danzig,* priskribita per ciferoj. 6 paĝoj, 18½ × 27 cm.

*Popularaj Kantoj en Japanujo.* Kolekto unua. 1927. Kokusaigo-Keukjŭ-ŝa. Tokio. 18 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo ne montrita.

*Oomoto,* le nouveau mouvement spirituel. Bureau européen d' Oomoto, 49 Rue Boulard, Paris XIVe. 56 paĝoj, 13½ × 18½ cm. Prezo: 3 fr. fr.

*Juhlakirja.* Työväen Urheiluliiton Eusimäisen Liittojuhlan. Helsinki, Työväen Urheiluliitto. 64 paĝoj, 12½ × 18 cm.

*Programo de unua asocia festo* okazonta en Helsinki. Laborista sport-asocio de Finnlando. Helsinki. 1927. 16 paĝoj, 12 × 18 cm.

*Wiesbaden,* Germanujo. Ilustrita gvidlibreto. 16 paĝoj, 10½ × 22½ cm.

*Literatura Informilo* eldonata de la Esperanto-Fako ĉe la eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. N-ro 4, somero 1927. 20 paĝoj, 16½ × 24 cm.

*Internacia Mondliteraturo.* Prospekto kaj mendilo. 4 paĝoj, 12 × 16 cm.

*En la centro de Eŭropo.* Prospekto por la foiro de Frankfurt a. M. 19½ × 15½ cm.

*V. Svistunov: Elementy Esperanto,* s risunkami i razgovornymi navykami. Prosmotrel A. Saĥarov. Izdanie CK-SESR. Moskva. 1927. 13 × 17 cm. 96 paĝoj kaj 1 portreto.

*S. Rublev: Krujok Esperanto,* praktiĉeskoje posobie dla gruppovyĥ zanjatij. (Du partoj.) Izdanie CK-SESR. Moskva. 1927. 27 × 18 cm. 90 paĝoj.

Ambaŭ lernolibroj por rusoj estas presitaj je 10000 ekzempleroj, ĉiu, en regna presejo, per tre legebla literaro, ambaŭ broŝuritaj en artaj kovriloj speciale desegnitaj. Eldonis ilin Centra Komitato de Soveta Esperantista Unio. Lernolibro de S-ro Svistunov estas ornamita per portreto de Zamenhof, originale artdesegnita laŭ fotografajo. Ĝi estas kunmetita laŭ la natura metodo, kies iniciatinto estis filologo Pierre Lafforgue, kromnotita „Robertson" (1803—1871), kiu estis ankaŭ partiano de mondlingvo, kaj aŭtoro de „Ideologia Vortaro" sistemita laŭ filozofia plano. Tiu metodo, aplikita en postaj tempoj de multaj verkontoj, interalie en la serio de Toussaint-Langenscheidt, konsistas en tio, ke ĉiu leciono prezentas modelan tekston kun traduko, vortareto, komentaro, kaj kiel konkludo el la studo de tiu peco rezultas kelkaj gramatikaj reguloj. Plua leciono ree komencas per la teksto, kaj finas per la reguloj eltiritaj el la studajo.

Du kajeroj de lernolibro de S-ro Rublev estas destinitaj por kursoj, grupoj, kaj donas materialon por trimonata studado. Unua parto estas por lernantoj, la dua por gvidanto. Malsimile je „klasikaj" lernolibroj, en kiuj la teksto ofte estas hazarde elektita, la lernilo de S-ro Rublev estis kompilita kun speciala atento pri la radikoj kaj afiksoj, tiel ke lernanto studu ilin laŭ proksimuma ordo de ilia relativa graveco, ekzemple ĉu, jes, ne, estas studataj ol eĉ, do, nek, kaj, tiel ke ne okazu (kiel kun la klasikaj lernolibroj), ke post kvarmonata studo la lerninto scias vortojn, ekz. laringo, kanapo, juglando ktp., sed neniam renkontis, do ne scias vortojn kiel: fino, komenco, trafi, fuŝi, fako, konto. Tiaspecaj nenormalajoj neeblas, se oni uzas lernolibron de S-ro Rublev, kiu aplikis specialan studajon pri la relativa ofteco de radikoj kaj afiksoj en la tekstoj. Krom ordinaraj, ĝeneralaj vortoj la tekstoj de ambaŭ lernolibroj prezentas riĉan frazaron destinitan por la proletaro, laborista klaso, kiujn ja celas la lerniloj. *P. S.*

*Kanto „Zamenhofaj Pensoj"*, eldonita de la aŭtorinoj C. kaj H. Vermeer, Vischpoortplein 13a, Zutphen (Nederlando), kun noblaj vortoj kaj muziko solen-impresa estos certe aŭdigata en multaj Zamenhof-festoj la 15 Decembro. P.

# LINGVAJ STUDOJ

## Angla aŭ Esperanto?

El vojaĝo tra Skandinavio mi ricevis pesimistan impreson pri la disvastiĝo de la franca lingvo. En unu internacia kongreso, kiun mi partoprenis, oni anoncis tuj en komenco, ke oni forlasos la uzon de la franca lingvo kaj la tradukadon en tiun lingvon, ĉar preskaŭ neniu ĉeestanto ĝin komprenas. En alia, pli vasta, oni ĝin uzis trialoke sed videble nur pro la franca delegitaro kaj sen eĥo ĉe la ceteraj.

La angla regis kiel la kvazaŭ akceptata mondlingvo, almenaŭ en la komenco. Tamen iom post iom la germana fariĝis pli uzata kaj pli ĝenerala dum la lastaj tagoj. Kial?

Nur pro la elparolo. Ĉiuj volus paroli angle. Ĉiuj provas. Malmultaj sukcesas. Ĉiuj kredas kompreni la anglan. Ĉiuj penas. Malmultaj atingas. La elparolo estas tro malfacila. Mi ne povis kompreni la anglan lingvon de multaj japanoj, germanoj aŭ rusoj. Sed pri la svedoj mi ankoraŭ pli miris. Mi ĉiam supozis, ke ili plej bone lernus la anglan lingvon. Tamen ilia elparolo estis por mi granda baro. Multajn el ili mi ne povis kompreni, kvankam mi kutimas uzi flue la anglan.

Aliaj eksterlandanoj spertis la samon. La w, la th, la diversaj vokalsonoj, la diferencigo inter pluraj specoj de a kaj o estas aŭdeble tro granda malfacilajo por ke oni povu atingi elparolan unuecon kiel en lingvoj kun simpla fonetiko kiel itala aŭ esperanta. Inter anglo kaj svedo aŭ ruso, malkorekte parolanta, la kompreno funkcias, ĉar almenaŭ unu staras sur firma tero dum la cetera naĝas en rivero, sed kiam temas pri angla interparolo inter svedo aŭ ruso kaj franco aŭ italo, tiam ambaŭ naĝas en tro moviĝanta fluo kaj ofte la kompreno efektive suferas.

Neniam okazas en Esperanto-kongresoj, ke la aŭdantaro malsukcesas kompreni parolantojn, kiel mi povis konstati en Stockholm, kiam fremduloj provis paroladi angle. Ne forgesu, ke en ordinara kongreso ne partoprenas, kiel en Genevo ĉe la Ligo de Nacioj, ambasadoroj vivintaj dek jarojn en London aŭ Washington. Tamen eĉ ili preferas uzi la francan.

Krom la troa multeco de malfacilaj sonoj, la angla lingvo havas ankoraŭ alian econ tre danĝeran por kompreno: ĝi konsistas grandparte el monosilaboj. Multaj frazoj enhavas nur unusilabajn vortojn: „Where have you been? In this room with two friends of mine." Dek du vortoj, dek du silaboj, dek malsamaj vokalsonoj. Se vi maltrafis unu, vi perdis la sencon de la tuta frazo.

Tion oni rimarkas ĉiunokte ĉe radio-aŭdado. Nenio estas pli malfacile kaptebla ol komunikoj anglalingvaj, dum ĉiuj anoncadoj el Romo aŭ Milano sonas tiel mirinde klare. En itala lingvo, kiel en Esperanto, la finajoj utilas kvazaŭ ripoziloj inter pli gravaj silaboj.

Jus mi rigardis en Meillet: „Les langues dans l'Europe Nouvelle", kion li diras pri la angla lingvo. Jen sur paĝo 297: „Ekzistas neniu alia lingvo, kiun plenaĝa fremdulo pli malfacile sukcesas elparoli korekte ol la angla. La elparolo estas la plej forta baro kontraŭ la mondlingva rolo de la angla."

La germana estas certe multe pli simpla laŭ fonetiko. Pro tio ĝi fariĝis pli kaj pli uzata en lastaj tagoj de la menciita kongreso en Stockholm. Almenaŭ ĝiaj sonoj estas sufiĉe simplaj. Se estus same pri ĝia gramatiko kaj frazordo, ĝi havus grandan ŝancon. Bedaŭrinde la frazordo malfaciligas la komprenon al fremduloj kaj la gramatiko forigas ilian kuraĝon riski paroladon. Ili tro timas erari ĉe finajoj de multenombro aŭ ĉe uzo de artikolo. Anstataŭ pensi pri la celo de sia parolado ili devas penadi por rememori ĉu la luno estas sinjoro kaj la suno sinjorino, ĉu male. Simile en franca lingvo.

Neniu propagandilo tiom efikas ĉe la homoj kiom komparado inter uzado de angla lingvo kaj uzado de Esperanto ĉe sama kongreso. Pro tio eksperimento kiel la Paceduka Konferenco en Praha estas la plej utila afero en la nuna momento.

Dum la somero 1928 okazos jam tri kongresoj internaciaj kun Esperanto kiel sola traduklingvo. Helpu nin, ke estu ses en 1929!

*Edmond Privat*

**Kun la nuna numero estas sendata al ĉiuj abonantoj en Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Germanio kaj Svislando prospekto de la Tagblatt-Bibliothek**

**La Januara numero eliros precize la 1-an de Januaro 1928**



# LA PAĜO DE L' PRAKTIKULO



## Por organizi praktikajn servojn de UEA

Por ke UEA vivu kaj disvastiĝu, ĝi devas trovi novajn membrojn ne nur inter esperantistoj, sed inter neesperantistoj, varbante ilin samtempe al Esperanto.

Por tio ĝi devas konigi kaj proponi siajn servojn — sed tiam estas necese, ke tiuj servoj estu nepre certaj kaj fidindaj.

La servoj de UEA dependas de agado de la Delegitoj, tiu agado siaflanke dependas, ne nur de la sindonemeco de tiuj delegitoj — kiu estas senduba, — sed ankaŭ de ilia ebleco okupiĝi pri tiuj servoj, kiuj, preskaŭ por ĉiuj, aldoniĝas al iliaj profesiaj kaj personaj okupadoj.

Bedaŭrinde nun tro ofte okazas, ke ili ne povas, pro la malfacilajoj de la vivo, oferi sufiĉan tempon kaj laboron al tiuj servoj, kaj, pro tio, UEA ne povas proponi siajn servojn kun certeco, ke ili estos plenumataj.

Sola rimedo garantii tiun certecon estas, ke delegito ricevu kompenson pro la mona aŭ labora perdo kaŭzita al li de plenumado de la servo.

Aliflanke tiu metodo havigos du bonajn sekvojn:

1. pagante, la petanto pli atentos pri la petoj kaj la delegitoj ne plu estos superŝutitaj de neinteresaj petoj;

2. oni trovos pli facile delegitojn, ĉar multaj bonvolemaj samideanoj hezitas depreni senprofitan tempon el siaj profesiaj laboroj; sekve oni povos multobligi la delegitojn kaj tiamaniere plivastigi la servojn de UEA kaj, pro tio, plifaciligos la varbadon de novaj membroj.

Aliparte tiu metodo estas nur plivastigado de la, antaŭvidata en la statuto, metodo uzebla kiam plenumado de la servo postulas gravan monsumon.

Tamen ĝi ne estas tute laŭ la fundamenta ideo de UEA, kiu estas senpaga servo de la delegitoj, kaj se ĝi estus aplikata senatente, ĝi havus tiun malbonan flankon, ke multaj membroj ne povus profiti sian membrecon pro la prezo de la servoj. Sekve oni devas trovi rimedon aranĝi tiun evidente neakcepteblan sekvon.

Tiu rimedo konsistas starigi tiun principon:

*„Delegito rajtas ricevi de la petanto monan kompenson por la elspezoj kaj laboroj necesaj por plenumi la petatan servon"*, kaj tabelon montrantan ekzemplojn de tiuj kompensoj.

Laŭ tio, delegito povas konsenti havigi la sciigon sen mona kompenso (ĉu ĉar tiu sciigo estas trovebla de li per laboro tro facila por, laŭ sia opinio, valori kompenson, ĉu ĉar li povas, sen malprofito, oferi la tempon kaj laboron necesajn).

Sed, je kontraŭ okazo, li konigas al petanto la, taksitan laŭ la tabelo, monsumon, kiu reprezentas kompenson de lia laboro kaj tempo; evidente li aldonas, kiel nun, la monajn elspezojn necesajn, se tiaj estas.

Funkciado de tiu metodo necesigas kelkajn aranĝojn, kiujn ni sube montras.

### 1. Aranĝo de la jarlibro.

1. Delegito des malpli bezonas kompenson, ju pli facile li havigas la petitan sciigon; kaj tio okazas, se tiu sciigo rilatas al sia profesio aŭ al siaj kutimaj studoj, eĉ amatoraj; aŭ al profesio kaj studoj de iu alia esperantisto, kiun li povas facile konsulti, ekzemple membro de sia grupo aŭ de faka societo.

Verŝajne tiuj samideanoj ne rifuzos helpi la delegiton, se, kiel ni supozas, tiu helpo neniel ĝenas ilin.

Por ebligi tiun farmanieron, al la nomo de la delegito oni aldonos en la jarlibro lian profesion kiel nun, sed pli detale (ekz. komercisto, industriisto, oficisto ne sufiĉas, oni aldonu la fakon). Oni aldonu ankaŭ la fakojn, je kiuj la delegito interesiĝas ekster sia profesio (radio, fotografado ktp.).

Oni aldonu plie la literon G, se estas grupo en la urbo de la delegito.

2. Oni aranĝu laŭalfabetan liston — kiel nun — de la urboj de ĉiu nacio, aldonante inter krampoj, post ĉiu el ili, la fakon de la delegito kaj, laŭokaze, la literon G, por montri, ke estas grupo en tiu urbo.

3. Tiuj listoj estos aparte eldonataj, tiamaniere, ke oni povu ricevi ilin sen la aliaj partoj de la jarlibro — sed kune kun la sekvantaj konsiloj.

4. Blankaj paĝoj estos aldonataj en la jarlibro, por ke oni povu facile korekti la ŝanĝojn, kiuj okazos inter du sinsekvaj eldonoj; tiuj ŝanĝoj estos sciigataj per perioda bulteno, aŭ per la gazeto „Esperanto" kiel ĝis nun.

### 2. Konsiloj por utiligi la delegitojn.

1. Sciigo estos des pli certe ricevata kaj fidinda, ju pli rilatas la sciigo al profesia aŭ eksterprofesia okupado de la delegito, al kiu oni sin turnas, ankaŭ se estas esperantista grupo en la urbo de tiu delegito, ĉar tiu ĉi povas peti helpon de siaj membroj, se tiu helpo neniel ĝenas ilin.

2. Se la sciigo rilatas ne al difinita urbo, sed al tuta nacio, sin turni al la delegito de la korespondа fako, kiu ajn estu lia urbo, sed tamen preferinde en granda urbo, eĉ en la ĉefurbo, pro facileco kompletigi la respondon, se estas necese.

3. Skribi al delegito konigante klare la petatan sciigon kaj aldonante respondkuponon kaj kuponon de membreco.

4. Delegito rajtas ricevi kompenson por la tempo kaj laboro necesajn por plenumi la servon; se li deziras uzi tiun rajton, li konigas al la petanto la monsumon, taksitan uzante kiel bazon la sekvantan tabelon:

Simpla sciigo ne necesiganta serĉadon 0,5 dolaro,
simpla sciigo necesiganta serĉadon 1,0 dolaro.

Por taksi gravajn sciigojn, la delegito komparos la tempon kaj laboron necesajn je tiuj, kiujn profesia laboro kompensas. Kiel nun, se la serĉado necesigas specialajn elspezojn, la delegito aldonas ilin al siaj propraj elspezoj.

Kopio de dokumentoj: 0,05 dolaro po 100 vortoj,
traduko de dokumentoj: 0,15 dolaro po 100 vortoj,
Gvidado kiel interpretisto dum unu tago:
salajro de la tago aŭ 2 dolarojn.

5. Se la petanto konsentas, li sendas la monsumon; se la petanto ne konsentas, la afero estas finita.

6. La delegitoj devas ĉiuokaze respondi, en kontraŭa okazo la petanto devas informi la Centran Oficejon de UEA.

*Rollet de l'Isle*

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

# INTER NI

## Pri „invitoj" dum kongreso.

*Dum nia lasta kongreso tri oficialaj lokaj aŭ diplomataj aŭtoritatoj invitis esperantistojn al afabla akcepto. Ĉar ili ne havis lokon por inviti ĉiujn, ili petis la organizan komitaton proponi al ili kvindekon aŭ centon da nomoj. El tio kompreneble sekvis malfacilaĵoj, eraroj, ĵaluzoj, malkontentiĝoj, plendoj, polemikoj, korespondado kaj granda perdo de tempo.*

*Tio estis neevitebla kaj antaŭvidebla. Se la ĝentileco ne malpermesus tion, plej bone estus rifuzi ĉiujn invitojn similajn kaj akcepti nur tiam, kiam senescepte ĉiuj kongresanoj povas partopreni. Efektive ĉiuj estas egalaj kaj ĉiuj samrajtaj. Ĉiuj pagis sian kongreskarton kaj jam de longe ne plu ekzistas inter ni „eminentuloj". Tiu kutimo feliĉe malaperis post la milito kaj Prof Cart kaj D-ro Privat donis mem la ekzemplon — cetere kritikeblan — foresti dum bankedoj aŭ sidi ĉe ia ajn tablo apud la pordo.*

*Do kiel fari, se ĝentileco ne permesas rifuzon al afabla gesto de ekstera aŭtoritato havanta nek ĝardenon, nek salonon sufiĉe vastan por inviti mil homojn? Ŝajnas, ke niaj sekretarioj, kiuj devus okupi prefere sian tempon je gravaj propagandaj celoj, estos devigataj zorge prepari hierarkian liston petante la konsilojn de unu el tiuj „chefs du protocole", kiujn oni ankoraŭ trovas en ŝtatestraj palacoj kaj kiuj sperte arangas la sidlokojn en oficialaj vespermanĝoj.*

*Frizante elegantan lipharon, tiu neriproĉebla kompetentulo demandos: „Ĉu vi posedas kongresestraron?"*

*„Jes."*

*„Nu, skribu unue kongresestraron, tiom da personoj, tiom da edzinoj. Ĉu vi havas aliajn estrarojn?"*

*„Jes, ni havas I. C. K., K. R., Akademion, Komitaton de UEA, L. K., L. K. K. ktp."*

*„Nu, ĉu tiom da K. Koj ne sufiĉas por plenigi abundan liston?"*

*„Jes, eĉ tro abundan."*

*„Do, metu numerojn laŭ ordo."*

*„Eĉ tiel, tre valoraj homoj ne ricevos invitojn, eble la plej meritaj kaj saĝaj."*

*„Certe. Pro tio ili ĝuste ne plendos, ĉar saĝuloj malkonsideras tiajn bagatelojn kaj preferas konservi sanan stomakon."*

*„Ĉu vi vere kredas tion, sinjoro?"*

*„Ĝis nun mi ne spertis ĝin, sed mi ĉiam esperas kaj diras ĝin kiel kuraĝigon kaj konsolon."* Ne-invitito

---

# KRONIKO

## Belglando.

*Antverpeno.* — „La Verda Stelo" ĵaŭdon, la 13-an de Oktobro malfermis novan kurson gvidatan de S-ro Vermuyten. Sabaton, la 29-an, „La Verda Stelo" amike akceptis S-ron E. E. Guerra el Tampico, kiu faris tre interesan kaj agrablan paroladon pri la moroj kaj kutimoj en Meksikujo kaj sprite rakontis, kiamaniere li antaŭ multaj jaroj fariĝis esperantisto.

— La „Antverpena komitato por internacia komerca lingvo" dissendis multope al komercistoj, serion da ĉiulandaj esperante redaktitaj prospektoj kaj samtempe organizis novan kurson gvidatan de S-ro M. de Ketelaere.

## Aŭstralio.

*Sydney.* — Kunvenoj ĉiujaŭde 20 h. Kelkaj el la temoj, Novembro-Decembro 1927: „Antikva Egipto", S-ro Torr; „Siberiaj rememoroj", S-ro Ŝeriŝev; „Inka civilacio", S-ro Jamieson; „Spertoj de UEA-Delegito", S-ro Pfahl.

## Britlando.

*Ayr.* — Kurso sub la aŭspicioj de Ayr Academy Evening Continuation Classes. Mardon vespere. 28 aliĝis. Detaloj ĉe J. Bone, 11 Ailsa Place. Instruisto R. Stevenson, F. B. E. A.

*Barry.* — Kursoj lunde, 7.0, ĉe 61 Porthkerry Rd.

*Bexhill.* — Sek., F-ino Taylor, ĉe 69 Egerton Rd.

*Bournemouth.* — La esperantista semajno altiris bonan vizitantaron: entute proksimume 30 el Bournemouth kaj aliaj urboj. La iniciatinto, S-ro Gething, estas gratulinda pri plena sukceso.

*Bourneville.* — Kursoj lunde kaj ĵaŭde, 5.30 p. m. Grupkunveno ĉe Terrace Restaurant, vendrede, 5.15—7.0 Sukcesplena semajnfino okazis 23—25 Septembro en Bewdley.

*Blackpool.* — Nova grupejo: 10 George St., marde, 7.30.

*Braintree.* — Kurso ĉe Co-operative Hall, marde, 7.0. (N. C. L. C.).

*Cardiff.* — Filiiĝis nova grupo, sekretario S-ro T. Southern, Wilcuma, Cyncoed Avenue, Penylan, Cardiff. Kunvenoj merkrede 7.30, ĉe 16 Park Place.

*Chopwell.* — Kurso ĉe West Council School, merkred-vespere.

*Craghead* (Stanley, Durham). — Kurso ĉe Council Schools, merkrede, 7.0, sub F-ino M. B. Melrose.

*Croydon.* — Sekretario V. J. Budgen, 10 Midhurst Avenue.

*Dover.* — Sekretario J. D. Thomas, 13 Avenue Rd. Kunvenoj marde, 7.0—10.0, ĉe Oddfellows' Institute, Pencester Rd.

*Edinburgh.* — Ekspozicio de esperantaĵoj estis aranĝita ĉe la Eldonista Ekspozicio 16—17 Septembro, kaj altiris multe da intereso.

*Crays.* — Kurso ĉe Labour Hall, Orset Rd., marde, 7.0 (N. C. L. C.). Senpage. J. Floro.

*Hendon.* — Kurso vendrede, 7.45—9.45, ĉe Labour Hall, 19 Sunningfields Rd., sub S-ro C. W. Spiller.

*Hull.* — Sekretario F. W. Coulson, 66 Ormonde Avenue, Beverley High Rd.

*Leith.* — Sekretario F-ino C. Dickinson, 1 North Fort St.

*Leeds.* — Kursoj marde, 7.0 kaj 8.0, ĉe Swarthmore Settlement, 4 Woodhouse Square, Clarendon Rd., sub S-ro J. W. Mann. 2/6.

*London (Clapham).* — W. E. A. kurso en New Morris Hall, merkrede, 8—10., sub S-ro C. W. Spiller.

— *Fulham.* W. E. A. kurso ĉe 245 Dawes Rd., lunde, 8—10, sub S-ro K. R. Sturmer. 2/-.

— *Hammersmith.* W. E. A. kurso ĉe Brook Green Hall, lunde, 7.45—9.45, sub S-ro C. W. Spiller. Ankaŭ ĉe socialista dimanĉlernejo, dimanĉe, 4.15—5.15, 41 Brook Green Rd., sub S-ro E. W. Crooke.

— *Harlesden.* S-ro T. J. Gueritte faris paroladon antaŭ la Association of Engineering & Shipbuilding Draughtsmen en Harlesden Publika Biblioteko, je 28 Septembro, pri Esperanto kaj ĝia uzado en la tekniko.

— *Kentish Town.* **Elementa kurso sub S-ro J. T. Dillsen, ĉe la Presbiteriana Preĝejo, Buck Street (Camden Town Tube), lunde, je 8.0. 2/.**

— *Lewisham.* Kurso ĉe St. Mary's Schools, High St., vendred-vespere. Detaloj ĉe S-ro W. H. Lester, 10 Ryecroft Rd., S. E. 13.

— *Poplar.* Kurso ĉe Poplar Men's Institute, The Navy Currie School, Byron St., E. 14, lunde, 7.30—9.30. 1/-. Instruisto L. N. Newell, D. B. E. A., C. E. T. D.

— *Stratford.* Kurso ĉe Maryland Point School, Stratford, E. 15, lunde, je 8.0. Detaloj ĉe S-ro A. L. Williams, 10 Manbey St., E. 15. Instruisto H. Nichols.

— *Wimbledon.* Kurso ĉe Labour Hall, 105 Merton Rd., S. W. 19, ĵaŭde, 8—10, sub S-ro K. R. Sturmer. 2/-.

— *Wood Green.* Kurso ĉe White Hart Lane Council Schools (kontraŭ Pellat Grove), marde, 7.30. 3/6.

*Mansfield.* — Kurso ĉe la Rosemary Schools, ĵaŭd-vespere, 7.30.

*Norwich.* — Kurso ĉe Boot and Shoe Hall, St. Mary's Alley, dimanĉe, 10.0 matene (N. C. L. C.).

*St. Albans.* — Kurso ĉe Labour Hall, lunde, 7.30 (N. C. L. C.).

*Sheffield* (Woodseats and Heeley.) — La ĉiujara ekspozicio de esperantajoj okazis 17 Septembro, kaj vekis multe da intereso. Bona raporto en Sheffield Daily Independent, 19 Septembro.

*Southport.* — Oficiala kurso sub la loka Edukada Konsilantaro. Detaloj ĉe F-ino L. Iddon, 82 Hampton Rd.

*Stoke-on-Trent.* — Konversacia Rondo, ĵaŭde, 7.45, ĉe Working Men's Club, Glass St., Hanley.

*West Hartepool.* — La tria jarkunveno de la loka grupo okazis 19 Septembro, kun bona ĉeesto. Kursoj lunde kaj vendrede, 7—9.30, ĉe Teknika Kolegio, West Hartlepool. 5/-. Instruistoj: S-ro H. R. Faul, F-ino E. Squire. D. B. E. A.

(Laŭ B. E.)

## Bulgario.

De la 6 ĝis 13 Novembro okazos la verda semajno de la bulgaraj esperantistoj. Ĉie en la lando oni preparas aktive la propagandon por tiu semajno.

En la komenco de la nuna lernejjaro la Ministerio de la Popola Instruado rifuzis reoficigi lektoron de Esperanto ĉe la blindula instituto de Sofio. Post energia klopodo de la Centra Komitato de la Bulgara Esperanto-Asocio kaj post la valora morala subteno de niaj eminentaj samideanoj D-ro Jos. Fadenhecht kaj D-ro Iv. D. Ŝiŝmanov, la Ministerio ŝanĝis sian decidon kaj oficigis kiel lektoron ĉe la instituto samideanon Asen Grigorov.

La organo de la gimnaziaj instruistoj publikigis la rezolucion de la instruistoj esperantistaj, akceptita dum la XIV-a Bulgara Esperanto-Kongreso en Plovdiv.

*Ruse* (Roustchouk). — Kurso en knabina gimnazio.

## Ĉeĥoslovakio.

Internacia rendevuo kaj ekskurso.

La ĉefdelegito de UEA, S-ro Sklenĉka, havis la bonan ideon, organizi sub aŭspicioj de la Turisma Servo de UEA internacian rendevuon kaj ekskurson, en lasta semajno de Aŭgusto. Oni vizitis la regionon Mala Skala, Zelezny Brod, Rieger-vojo, al Semily. Partoprenis kiel gasto D-ro Domec el Indoĉinio. Tiaj aranĝoj plifortigas la senton de komuneco inter esperantistoj. Konsilinde estus organizi similajn manifestadojn en aliaj teritorioj.

*Bratislava.* — Laŭ iniciato de samideano kalkulkonsilanto R. M. Frey, Wien, fondiĝis „amikeckomitato Wien-Bratislava", kiu aranĝas karavanojn inter la du urboj. 25. IX. vizitis nian urbon jam la tria karavano de Vienanoj. Partoprenis ankaŭ gesamideanoj gvidataj de S-roj Hugo Steiner, prezidanto de A. E. D., kaj R. M. Frey, propagandestro de A. E. D. La urbestraro aranĝis je la honoro de niaj gastoj festprezentadon en la urba teatro. Oni ludis la baledon „De fabeloj al fabeloj" de Oskar Nedbal, direktitan de la komponisto mem, kaj „Copelia" de E. Délibes. Samideano Herold Kesik, estro de la loka grupo atingis, ke la direktoro enprogramigis la esperantan prezentadon de la melodramo „La ruĝa rido" de Kurt Robitschek, tradukita de S-ro Emilo Wanitsek, honora prezidanto de la grupo. La prezentado de S-ro Kesik estis tre bona kaj la ne-esperantista publiko longe aklamis lin. Poste S-ro Steiner dankis esperantlingve la deklaminton. Li salutis la urbanojn de Bratislava en la nomo de la gastoj kaj faris elokventan paroladon por Esperanto. Urba reprezentanto D-ro Leo Sipos salutis la gastojn en la nomo de la urbestro slovaklingve kaj daŭrigante germane, ankaŭ li



*Internacia Esperanto-Ekskurso, 21. 9. 1927*

parolis por nia lingvo. Tiu ĉi prezentado estis tre valora antaŭ la komenco de la aŭtunaj kursoj.

*Prerov.* — Regiona kunveno de norda kaj centra Moravio, 30. X. 1927. Labora kunsido gvidata de Rud. Hromada. Vizito de muzeo Komensky (Comenius). Gramofona aŭdigo de l' kongres-parolado de D-ro Privat. Muziko.

## Estonio.

Estona profesoro pri Esperanto.

M. J. Eisen, profesoro de folkloro en universitato de Tartu (Dorpat), esprimis sian opinion pri Esperanto jene:

„Kvankam mi ne kredas, ke artefarita lingvo povus fariĝi popola lingvo, mi tamen esperas, ke ĝi povas multe akceli la interkomunikadon de unuopaj personoj kaj la reciprokan interkomprenon, precipe faciligi la komercajn interrilatojn. Plej bonan esperon por tio donas Esperanto, kiu malrapide, sed konsekvence flirtigis sian standardon. La antaŭuloj de Esperanto entuziasmigis por momento, sed tro baldaŭ iliaj disĉiploj ekkomprenis, ke la nepraktikeco de la nova lingvo ne kondukos al la celo; la nova lingvo trafis en la forgesejon. Esperanto faris ĝis nun triumfiron en ĉiun ŝtaton kaj ĉi tie kaj tie fariĝis eĉ universitata lernejobjekto. Ĉiuokaze estus precipe al ĉiu inteligentulo rekomendinde lerni Esperanton; la malgrandan lernopenon la ricevota utilo kompensos pluroble." Komunikis *Henr. Seppik-Allari*

## Finlando.

Esperanto-Asocio Finlanda organizis propagand-semajnon.

*Kuopio.* — Seminar-lernantoj aranĝis ekspozicion, gvidis S-ro T. Aurela. Disko parolita de D-ro Privat aŭdigis la lingvon. — Studocirklo esperantista en bontemplana loĝio „Puijon Tähti". Kurson gvidas S-ro Erkki S. Turunen.

*Vaasa.* — Ekspozicio en libreja fenestro. Festkunveno de loka societo.

## Franclando.

*Strasbourg.* — Post bone aranĝita vesperfesto kurso kun 75 personoj.

*Toulouse.* — Unua kongreso de Franclanda Esperantista Universitata Federacio okazos Decembro 1927. Programon ktp. demandu ĉe Cercle Espérantiste Universitaire, 8 rue Baour-Lormian, Toulouse.

— La Ligo por defendo de Homrajtoj dum sia kunveno de la 9 Novembro post parolado de S-ro D-ro Badin, vicprezidanto de la ligo, voĉdonis 50 fr. kiel kotizon de honor-aliĝo al la Kongreso de Franclanda Universitata Federacio.

— La Societo „l'Encyclopedique" dum sia kunveno dè là 7 Novembro voĉdonis 50 fr. kiel simpatio-aliĝon al la FEUF-kongreso.

— La 6-an de Novembro la C. E. U. T. organizis propagandoprelegon de D-ro Badin por indoĉinaj studentoj, en la sidejo de la Asocio de Indoĉinoj en Toulouse. Ĉeestis ĉirkaŭ 40 indoĉinaj studentoj.

## Germanio.

*Dresden.* — G. E. A., loka societo. Festkunveno pro la 40-jara ekzisto de Esperanto 10. X. 27 en la festĉambrego de la 4-a Urba Meti-lernejo. Parolado de Studienrat D-ro Trögel. Li menciis la meritojn de Zamenhof kiel kreinto de vere vivanta lingvo kaj ties superecon efiki socie. Vicprezidanto Hessler disdonis al meritplenaj membroj la plakedon „Pro Fideleco". Poste paroladis (kun lumbildoj) S-ro Häfker pri „Olimpio kaj la senco de la greka gimnastiko". Li pentris interesan bildon de la antikva Greklando kaj komprenigis la sporton antikvan al la aŭskultantoj.

*Hagen i. W.* — Rejnlanda-Vestfalia Ligo (Revelo) havis sian jarkunvenon la 9-an de Oktobro en urbo Hagen, kie kunvenis 25 delegitoj de grupoj el la teritorio kaj vigle diskutis. Post parolado de redaktoro Hoen (Köln) pri la venontjara ekspozicio de la gazetaro „Pressa" kaj nepra neceso, elmontri Esperanton, ili decidis starigi apartan kioskon en apudeco de la Domo de la Nacioj kaj financi la kostojn per tutmonda alvoko. La grupo Köln, preparante postkongreson al la XX-a Universala Kongreso en Antverpeno, estis reelektata por gvidi la agadon dum la venonta jaro.

*Heilbronn a. N.* — G. E. A., loka grupo. La 22 Oktobro propagand-vespero kun ekspozicio en la festsalonego de la knaba mezlernejo. Parolis S-ro supera instruisto Bieg (Esslingen) pri „Deveno, esenco kaj graveco de Esperanto, precipe ankaŭ por la lernejo"; S-ro doganinspektoro Messerschmidt (Heilbronn) pri „Internacia kunlaborado kaj internacia lingvo". La loka gazetaro raportis tre favore. Nova kurso por komencantoj (25 gepartoprenantoj) gvidata de instruisto Hauf, kurso por progresintoj gvidataj de S-ro Bachmann (15 gepartoprenantoj). — Dum la 5-a kaj 13-a de Novembro „Sudgermana Radio-Ekspozicio". Efika propagando de nia lingvo per elmetado de la radio-propaganda materialo de la grupo Riesa en tiu ekspozicio, kiu trovis grandan atenton de la publiko. La materialo estas tre rekomendinda kaj havebla ĉe la grupo Riesa (Elbe); adreso: S-ro D-ro Doehler, Riesa (Elbe), Rosenplatz 11.

*Hirschberg i. Schl.* — Kursoj en H. kaj en apuda banloko Warmbrunn. 40 kursanoj. Instruas S-ro Georg Sieche laŭ „Kursa Lernolibro" de D-ro Privat. La loka grupo kalkulas naŭ anojn de UEA, kelkaj ankoraŭ aliĝos komence de la nova jaro. En la kunvenoj oni nur parolas en Esperanto. Post fino de la kursoj oni zorgas por novaj aliĝoj al UEA. (Brave! La Red.)

*Köln.* — La 2-an de Oktobro jarkunveno de Loka Esperanto-Kartelo inter burĝaj kaj laboristaj grupoj por komuna agado ĉe administracioj ktp., kiun partoprenis delegitoj de ambaŭ organizoj. Ĝi intencas fari pli viglan propagandon dum la venonta vintro kaj venontjara ekspozicio de la gazetaro „Pressa". Prezidanto elektiĝis denove S-ro Cierpka (SAT.), post 18-monata migrado reveninta al Köln, sekretario S-ro Hoen (G. E. A.), kasistino F-ino Knur (ambaŭ asocioj).

## Hungario.

*Budapest.* — Pastro Andreo Che trapasis kaj faris kelkajn gravajn priparolojn. — Ĉe tombo de D-ro Giesswein estis memorfesteno la 1-an de Novembro. — En skolta grupo parolado pri Esperanto. — F-ino Annie Besant donis favoran intervjuon pri Esperanto okaze teozofa parolado. — Fabriko eldonis ruletludon kun esperanta teksto, sub nomo „Heraldika". — La firmo Photoscope en Belgio eldonis lumbildfilmon kun 30 bildoj pri Budapest kun klariga esperantlingva teksto. La sukceso dankinda al la Belga Esperanto-Instituto.

*Debreczen.* — Sukcesa ekspozicio ĉe filatelista ekspozicio. — Dulingva memorglumarko, hungara kaj esperanta. — Ekspozicietoj en kelkaj lernejoj lerte aranĝitaj de S-ro Boczan.

*Szombathely.* — Kursoj. Parolado de Julio Baghy.

## Indio Nederlanda.

*Sumatro, Javo, Borneo, Celebo,* ĉiu memoras pri la Sundo-Insularo, varma kaj ĉiam somera. La pioniroj de Esperanto en tiuj regionoj estas nederlandanoj kiuj venas tien kiel oficistoj, instruistoj, maristoj. Sed jam estas indiĝenaj samideanoj kaj konstatite estu, ke ilia stilo esperanta estas unuforma — kiel eŭropano — escepte bildan esprimaron kiel senpoezia kaj realisma okcidentano ne kapablas.

*Malang* (Javo). — Vigle propagandas Delegito de UEA S-ro Groenhart. Rubriko en gazeto „De Malanger".

## Nederlando.

*Cuyk.* — Propaganda kunveno organizita de la Delegito de UEA, S-ro Severyns. 20 kursanoj.

## Novzelando.

*Wellington.* — Fine de Aŭgusto restariĝis klubo esperantista. Prezidanto: W. L. Edmanson, vicprezidanto: L. E. Dust, Delegito de UEA; kasisto: V. L. M. Daniel; sekretario: B. Potts. (Kuraĝon, gratulon, longan vivon! Red.)

## Pollando.

*Bialystok.* — Zamenhofa Esperanto-Societo vigle laboras. Ekzamenoj de kursanoj bone sukcesis. — Novaj kursoj komenciĝis. Ekfunkciis biblioteko. — Multaj notoj en la gazetaro.

*Grajewo.* — 22. X. granda propaganda kunveno sub prezido de urbestro W. Perlitz. Duhoran prelegon pri Esperanto faris S-ro Ŝapiro, prezidanto de Zamenhofa Esperanto-Societo en Bialystok. Oni aŭdis el gramofona disko paroladon de D-ro Privat dum la XIX-a. Rezulte estis fondita filio de Zamenhofa Esperanto-Societo. Estraro elektita: S-roj Gede, prezidanto, Piekarowicz, vicprezidanto, Tokaryk, kasisto, Ajzensztadt, sekretario, kaj Wierzbolowski.

*Warszawa.* — Dank' al favoremo por Esperanto de prezidanto de Pola Aeroplana Linio „Aerolot", D-ro Wygard, la estraro de Pola Esperanto-Asocio, grupo Warszawa, sukcesis starigi tri kursojn por aviadistoj, muntistoj kaj oficistoj de la nomita entrepreno. Entute partoprenas la kursojn 50 personoj.

## Saarteritorio.

*Dudweiler.* — Nova kurso okazas en ĉambro de la popola lernejo.

*Saarbrücken.* — Kursoj en ejo de la komerca ĉambro.

*St. Ingbert.* — D-ro Du Pasquier, ano de la registara komisiono, parolis en kunveno pri la konferenco en Praha,

## Sovetio.

*Leningrad.* — Ĉefadministrado de Sciencaj Institucioj (Ĉefscienco) proponis al Instituto de Kompara Historio de Orientaj kaj Okcidentaj Lingvoj kaj Literaturoj (ĉe la Regna Universitato en Leningrad) esplori kaj solvi problemon pri helplingvo internacia. Laŭ peto de la Ĉefscienco, delegito de Internacia Scienca Asocio Esperantista, S-ro Poniŝervski, raportos pri Esperanto al la nomita instituto.

## Usono.

*Lithopolis-Ohio.* — Filino de Adam Wagnalls, unu el la fondintoj de eldona firmo Funk & Wagnalls, starigis lernejon por Esperanto.

---

## Unua Kongreso de la Franclanda Esperantista Universitata Federacio

Toulouse, 27—30 Decembro 1927

*Generala programo:*

27 Decembro: 15 h.: Ekzamenoj por Atesto pri Lernado kaj Atesto pri Kapableco (kandidatoj enskribiĝu ĉe L. K. K.).
20 h.: Solena malfermo. Publika propaganda prelego de S-ro D-ro Privat, prezidanto de I. C. K.

28 Decembro: 9.15 h.: 1-a laborkunsido (morala kaj financa raportoj).
14 h.: Fotografado de la kongresanoj.
14.30 h.: Agad- kaj organiz-problemoj (2-a laborkunsido).
20.30 h.: Fakaj kunvenoj.

29 Decembro: 9.30 h.: 3-a laborkunsido (eksteraj problemoj).
14.30 h.: 4-a kaj lasta laborkunsido (elektoj).
19 h.: Granda propaganda bankedo, kun ĉeesto de urba, universitata kaj gazetara reprezentantoj, okaze de la kongreso kaj de la 40-jara Esperanto-jubileo.

30 Decembro: 9.15 h.: Forvojaĝo el Toulouse por Superbagnères de Luchon.

Kongreskotizoj: por anoj de F. E. U. F. 5 fr. fr.; por neanoj: 10 fr. fr. (kun aliĝo al Federacio); helpkongresanoj: 5 fr. fr.

Aliaj prezoj (proksimumaj): ĉambro 10 fr., manĝoj 10 fr., ekskurso 75 fr.

Adresoj: por aliĝoj kaj organizado, ĉe L. K. K.: Cercle Esperantiste Universitaire, 8, rue Baour-Lormain, Toulouse; por programo, tagordo ktp., ĉe F. E. U. F.: 15, quai Claude-Bernard, Lyon.

Oni sciigu sian alvenon al L. K. K. almenaŭ 24 horojn antaŭe!

Fremdlandaj universitatanoj kaj universitataj organizaĵoj sendu sian saluton kaj sian opinion pri projektita internacia konferenco.

Petu aliĝilojn!

* * *

## Bankfaka Esperanto-Asocio Tutmonda.

Dum la kongreso en Danzig la bankfakanoj okazigis kunsidon. Fondiĝis Bankfaka Esperanto-Asocio Tutmonda. Ĉeestis reprezentantoj el kvin nacioj, plue kiel aŭskultanto S-ro prof. Koenig, estro de la Komerca Ĉambro en Miskolcz (Hungario). S-ro Robertson, London, prezidis. S-ro Karl Fischer, Berlin, raportis pri ĝisnuna laboro de la fakasocio, kiu jam havas membrojn en 13 landoj kaj havas reprezentantojn en sep landoj, nome: Germanio (ĉefoficejo), Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danmarko, Hungario, Jugoslavio kaj Norvegio. — Oni elektis: Honora Prezidanto: bankisto D-ro H. Arnhold, Dresden; prezidanto: K. Fischer, Berlin; sekretario: W. Graeser, Berlin; provizora kasisto: Rademacher, Berlin; membroj de Honora Komitato: eksbankestro Delanoue, Paris; bankisto D-ro Vogt, Stuttgart; eksbankisto Robertson, London. La elektitoj akceptis. — „Heroldo de Esperanto" kaj „Verda Stelo" estas la oficialaj gazetoj. S-ro Delanoue raportis pri la fakvortaraj laboroj, kiuj estas daŭrigataj laŭ aliigita sistemo en kontakto kun la oficialaj instancoj. — B. E. A. T. preparas specialan aktualan varbilon por sia fako kaj faros ĉion eblan por prosperigo de la Esperanto-movado en la bankoj. Notinde estas, ke la estraroj de la grandaj bankoj en Berlin senescepte disponigis la „nigrajn tabulojn" por alvokoj kaj sciigoj. Sekve de tio baldaŭ povos komenci kelkaj kursoj speciale por bankfakanoj. Oni povas esperi, ke la B. E. A. T.-anoj ankaŭ en aliaj urboj kaj landoj sukcesos okazigi kursojn en la fakrondoj.

Adreso de B. E. A. T. estas: Güntzelstrasse 31, Berlin-Wilmersdorf, Germanio.

---

## Anonca Noto.

*Heraldika kolekto kaj loteria ludo.* En kartonskatolo 29 × 22 cm granda, kun 60 kartetoj koloraj, rulet-rado kaj kugletoj. Prezo afrankite: 12,50 sv. fr. Fabrikanto: N. Piatnik kaj Filoj. Ekspedanto: Kovacs & Heller, Budapest VI, Laudon-ucca 6.

En la tempo de la Ligo de Nacioj ne povas esti io pli interesa ol ludaro, kiu enhavas 63 blazonojn kaj 68 flagojn de la nunaj ŝtatoj, do vera kolekto heraldika kaj ludo geografia. La bonaj desegnaĵoj kaj eldono garantias sukceson al tiu ludaro, kiu, ligita kun loterio uzante ruletradon, povas esti interesa amuzigo en kluboj, societoj, junulaj rondoj. La ludo enhavas seplingvan klarigon, kaj oni povas eĉ aldoni ian ajn lingvon, kondiĉe, ke estu sufiĉe granda nombro de mendoj. La landnomoj apud la blazonoj estas en Esperanto, do ĝi tamen estas Esperanto-ludo. Bedaŭrinde, la blazonojn de kelkaj landoj oni ne povis ricevi, ankaŭ pro limigita nombro de la ludkartoj kelkaj landoj estas kunigitaj sur unu karto. Sed tio ne malhelpas la valoron de la kolekto kaj la ludreguloj estas tre facilaj, vere ĉie uzeblaj. La ludo taŭgas por esti disvastigota en neesperantista rondo, samtempe estante praktika propagando por Esperanto, precipe inter junularo. Antaŭ Kristnasko kaj Novjaro ĝi povas esti tre taŭga donaco. Laŭ sciigo neesperantistaj magazenoj kaj junulaj kluboj jam grandnombre mendis ĝin en Hungario, do ĝi vere povas interesi la vastan publikon kaj esperantistoj povas ĉie ĝin rekomendi al vendejoj. Oni serĉas agentojn, kiuj, same kiel grupoj kaj delegitoj, ricevas ĉe 4 ekz. jam 10 %, ĉe 8 ekz. jam 25 % da rabato.

*B.*




## La Internacia Unio de Radiofonio denove voĉdonas por Esperanto

La ĝenerala sekretario de Internacia Centra Komitato informas nin ĵus pri la sekvanta ĝojiga fakto:

En sia jara kunveno en Lausanne la 12 Majo 1927 la Generala Kunsido de la Internacia Unio de Radifonio, al kiu apartenas preskaŭ ĉiuj stacioj de Eŭropo kaj granda nombro da ekstereŭropaj, akceptis rezolucion favoran al Esperanto. Speciala komisiono ricevis la taskon, priparoli la detalojn kaj fiksi direktivojn, interkonsente kun nia komitato. La komisiono kunvenis en Como (Ital.). Reprezentanto de nia komitato ĉeestis kiel ekspertizisto. Post tiu ĉi traktado de la komisiono, kiu unuanime aprobis la direktivojn, la estraro de la Unio en sia kunsido de l' 29 Septembro adoptis unuanime novan rezolucion favore al Esperanto en radio.

Ni citas ĉi tie la ĉefan eron:

„Konsiderante, ke Esperanto estas potenca helpilo por la interkompreniĝo kaj la alprokisimiĝo de l' nacioj, la Konsilantaro invitas denove la membrojn de la Unio, dediĉi plej grandan atenton al tiu ĉi lingvo kaj antaŭ ĉio konservi ĝian instruadon en siaj programoj.

Memorigante la rezolucion de la Generala Kunsido de l' 12 Majo en Lausanne, la Konsilantaro rekomendas al la membroj, turni sin al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Genève — en kontakto kun la sekretariejo de la Internacia Unio de Radiofonio — kiu metis sin al la dispono de l' stacioj, por indiki al ili la lokajn kunlaborantojn esperantistajn kaj kiu estas preta ankaŭ publikigi internacian horaron de l' disaŭdigoj en Esperanto, por faciligi la sukceson de la entrepreno."

*

## Konkurso por Radio-Amatoroj je mallongaj ondoj.

La „Deutsche Funktechnische Verband" elskribas konkurson por radio-amatoroj je mallongaj ondoj kaj donas kvar taskojn: 1. ondo 40—44,5 m, 2. ondo 62—74 m, 3. ondo 30—31 m, 4. ondo 8—9 m. Kiel premioj estas disponitaj po ĉiu tasko 500 germanajn markojn.

*

## Radio en fervoja vagonaro de Aŭstrio.

Komence de Septembro pasis unu jaro depost en aŭstriaj fervojaj vagonaroj estis aranĝitaj radio-aŭskultadoj por la vojaĝantoj. Dum tiu ĉi jaro ĉirkaŭ 25000 vojaĝantoj aŭskultis la radiofonajn dissendojn kaj mallongigis per tio la enuigan veturon en fervoja vagonaro. Laŭ informo baldaŭ en hungaraj fervojaj vagonaroj oni povas ankaŭ aŭskulti la dissendojn de la radiofonaj sendstacioj.

*

## Esperanto kaj Radio en Germanio.

De *J. Jungfer*, Lübben

Ĉi tie estas Danzig: parolas nun s-ro Asada el Japanio. Kaj nun oni aŭdas nekonatajn sonojn, vortoj el nekonata, al ni, japana lingvo. Do, kio estas tio? Karaj gesamideanoj! Mi salutas vin... Kaj subite oni estas meze en Esperantujo; la bone konataj sonoj de nia kara lingvo trafas niajn orelojn.

Dufoje, dekfoje, dudekfoje kaj pli ofte ripetiĝas tiu ĉi afero. La idiomoj de preskaŭ tridek nacioj trovas la vojon al mia trankvila hejmo, kvazaŭ okazus internacia kongreso en mia ĉambro.

Mi partoprenas al la salutparoladoj de la delegitoj de 30 nacioj okaze de la XIX-a Internacia Esperanto-Kongreso en Danzig. Mi konas de la antaŭaj kongresoj la bildon, kio faris ĉiam grandegan impreson. Preskaŭ 30 delegitoj salutas la ĉeestantojn en sia gepatra lingvo, junaj beletaj fraŭlinoj, kaj maljunuloj blankbarbaj. Sed ĉie regas silento, ĉar nur malmultaj ilin komprenas. Nu la sama delegito ripetas la paroladon en Esperanto. La bildo ŝanĝiĝas. De ĉiu flanko oni aŭskultetas kaj baldaŭ la tuta salono sen escepto aplaŭdas al la parolanto.

Sed nun . . . ne estas necese fari penigan vojaĝon, mi ne fariĝas marmalsana, mi ne estas premata en troplena salono, mi eĉ ne pagis kongreskotizajon (oh ve!), mi sidas aŭ eble kuŝas agrable sur mia sofo, kelkcento da kilometroj for de Danzig kaj tamen ĉeestas la kongreson.

Komence tre mallaŭte pro taglumo mia laŭtparolilo murmuras: Ĉi tie estas Danzig; parolas nun S-ro . . . el . . . Iom post iom fariĝis nokto kaj ĉiam pli forte la laŭtparolilo diras: Karaj gesamideanoj! Mi salutas vin en nomo de la . . . esperantistoj kaj . . . Dekfoje, dudekfoje kaj pli ofte ĝis kiam la laŭtparolilo kriegas: Danzig nun finiĝas la salutparoladojn okaze de la XIX-a Internacia Esperanto-Kongreso. Kvazaŭ mi estas en la salono de la Danziga Schützenhaus kaj la laŭtparolilo devas superkrii la milon de ĉeestantoj.

Finiĝis la plej grava afero en Esperantujo dum ĉiuj Esperanto-kongresoj. Dank' al la radio-ondoj povas partopreni ĉiu esperantisto el la tuta Eŭropo. Dankon ni ŝuldas al la radio-stacio Danzig, kiu aranĝis ĉi tiun radio-aferon kaj dank' ni ŝuldas ankaŭ al la radio-stacio Königsberg, kiu same dissendas la salutparoladojn kaj ebligas per tio al la esperantistaro de la tuta Eŭropo partopreni al la kongreso.

Ni esperas, ke de nun nenia kongreso okazos sen radio. Dezirinde estas, ke la mikrofono trovas sian vojon en la salonon mem kaj ĉeestas la tutan malferman kunsidon.

Bedaŭrinde la pritraktata dissendo ne estis sufiĉe anoncita kaj certe multaj esperantistoj nenion sciis pri ĝi. Same tiel ne estas sufiĉe konata, ke la stacio Königsberg kaj Danzig sendas regule la programon de la venonta semajno. Eĉ en la oficiala programo oni ne trovas anoncita ĉi tion. Sed, gesamideanoj, serĉu kaj aŭskultu la koncernajn staciojn vendredon iom post la 21-a GMT. Vi certe aŭskultos la bone konatajn sonojn de nia lingvo.

Por faciligi la ricevon de la germanaj radiofonaj sendstacioj mi volas mallonge priskribi ilin.

La radio-sendstacioj en la germana respubliko estas tiel aranĝitaj, ke la distanco de sendstacio ne estu pli granda de ĉiu loko ol 150 kilometrojn. La plej forta stacio estas „Die Deutsche Welle" („la germana ondo") en Königswusterhausen, kaj ĝia energio estas 8 kilovatoj. Nuntempe oni konstruas alian sendon en la proksimeco de Königswusterhausen ĉe Zeesen, kies energio estas la triobla. La ondlongeco de tiu sendstacio estas 1250 metroj. Antaŭtagmeze la stacio ne dissendas. De 11—19-a horo GMT, interŝanĝante po duono, estas sendataj paroladoj, plej multaj por instruado. Post la 19-a sekvas vesper-programo, transportata de iu alia stacio, plej ofte Berlin. Dimanĉon estas transportata la tuta programo de Berlin. Königswusterhausen dissendas en Esperanto tre multe kaj ofte. Ĝis komenco de Julio ĉiun sabaton estis dissendata Esperanto-instruado kaj certe en vintro ankaŭ tiu forta stacio ree aŭdigos Esperanton.

Oni dispartigas la sendstaciojn en ĉefstacioj kaj relajs-stacioj. La relajs-stacioj nur tre malofte havas propran programon. Ili preskaŭ ĉiam dissendas la programon de ĉefstacio, aŭ la ĉefstacio

sendas la programon de la relajs-stacio. Ricevi la relajs-staciojn estas eble nur tre malofte, ĉar ili ne estas fortaj kaj dissendas je „komunaj ondoj“. Pro tio havas signifon por aŭskulti nur la ĉefstaciojn.

Ekzistas jenaj sendstacioj:

**Berlin, ondo 484, forteco 4 kilovato.**
Relajs-stacio: Stettin, ondo 236, kv. 0,5.
La Relajs-stacio Berlin, ondo 566 ne plu sendas.
Anoncita per: Achtung, Achtung, hier ist Berlin auf Welle 484 sowie Stettin auf Welle 236 (und Königswusterhausen auf Welle 1250).
Signo de paŭzoj: vekhorloĝo.

**Breslau, ondo 322,6, kv. 4,0.**
Relajs-stacio: Gleiwitz, ondo 250, kv. 0,7.
Anoncita per: Achtung, hier ist Breslau und Gleiwitz.
Signo de paŭzoj: vekhorloĝo.

**Frankfurt a. M., ondo 428,6, kv. 4,0.**
Relajs-stacio: Kassel, ondo 272,5, kv. 0,7.
Anoncita per:

**Hamburg, ondo 394,7, kv. 4,0.**
Relajs-stacioj: Bremen, ondo 252,1, kv. 0,7
Hannover, ondo 297, kv. 0,7
Kiel, ondo 254,2, kv. 0,7.
Anoncita per: Hier Norddeutsche Sendergruppe, die Rundfunksender Hamburg, Bremen, Hannover und Kiel.
Signo de paŭzoj: Morsesignoj Ha . —

**Königsberg, ondo 329,7, kv. 4,0.**
Relajs-stacio: Danzig, ondo 272,7, kv. 1,5.
Anoncita per: Achtung, Königsberg und Danzig.

**Langenberg, ondo 468,8, kv. 25.**
Relajs-stacioj: Münster, ondo 241,9, kv. 1,5
Dortmund, ondo 283, kv. 0,7.
Anoncita per: Achtung, Achtung für die 3 Sender Langenberg, Münster und Dortmund. Meine Damen und Herren . . .

**Leipzig, ondo 365,8, kv. 4,0.**
Relajs-stacio: Dresden, ondo 275,2, kv. 0,7.
Anoncita per: Mitteldeutschland, Leipzig und Dresden. Meine Damen und Herren! Sie hören jetzt . . .
Signo de paŭzoj: vekhorloĝo.

**München, ondo 535,7, kv. 4,0.**
Relajs-stacio: Nürnberg, ondo 303,0, kv. 4,0.
Anoncita per:

**Stuttgart, ondo 379,7, kv. 4,0.**
Relajs-stacio: Freiburg i. Br., ondo 577,0, kv. 0,7.
Anoncita per: Achtung! Stuttgart und Freiburg im Breisgau. Meine Damen und Herren . . .
Signo de paŭzoj:

La programoj de ĉiuj sendstacioj preskaŭ estas la samaj:
Antaŭtagmeze: sciigoj kaj novajoj. Dimanĉon preĝejo.
Tagmeze: muziko, plej ofte gramofona. Borso, vetero.
12.00 GMT: hora signo de la radio-stacio Nauen.
Posttagmeze: paroladoj pri diversaj temoj, ĝardenkulturo, rikolto, agronomio, sciigoj por mastrinoj ktp.
15.00—17.00: kafokoncerto.
17.00—19.00: paroladoj pri sciencaj, socialaj kaj aliaj interesaj temoj.
19.00—21.00: koncerto, teatro, aŭdantaj ludoj ktp.
21.00: sciigoj, novajoj, horo, vetero.
21.00—23.00: muziko por danci.

Ĉiuj sendstacioj dissendas aŭ dissendis Esperanton. Momente dissendas la programon de la venonta semajno:

Königsberg kaj Danzig, vendredon iom post la 21.00,
Stuttgart kaj Freiburg: vendredon je 18.45.

Paroladoj pri diversaj temoj sendas:

Breslau kaj Gleiwitz: vendredon je 21.15 horo.

Ankaŭ la aliaj sendstacioj sendis la lastan vintron parte instruado, parte paroladoj, kaj certe ankaŭ redissendos dum la venontaj monatoj.

Same tiel la forta sendstacio en Vieno dissendas regule instruadon por komencantoj ĉiun mardon kaj ĵaŭdon je 18.30 horo GMT.

La ĉefstacio estas Vieno, ondo 517,2 kv. 5,0.
Relajs-stacioj: Vieno, ondo 577,0;
Graz, ondo 357,1, kv. 4,5;
Klagenfurt, ondo 272,7, kv. 1,5;
Innsbruck, ondo 294,1, kv. 0,5.
Anoncita per: Hallo, Hallo, hier Radio Wien . . .
Signo de paŭzoj: vekhorloĝo.

Jam hodiaŭ estas eble per bona radio-aparato aŭskulti preskaŭ ĉiujn sendstaciojn de Eŭropo. La radiaj ondoj ne haltas pro la landlimoj. Al la dissendadoj de la anglaj sendstacioj estas tute indiferente, ĉu ili estas aŭdataj de angloj, francoj, germanoj, afrikanoj, ĉinoj aŭ japanoj. Same la sendstacioj de la aliaj landoj. Mi ricevas krom la germanaj ankaŭ anglajn, francajn, italajn, hispanajn, ĉeĥoslovakajn, polajn, rusajn, latvan, estonan, finnlandan, svedan, norvegan radiofonajn staciojn, kaj mi ĉiujn bone aŭskultas, se ne ekzistas — la lingvaj malfacilajoj. Tute ne estas eble, kompreni ĉiujn idiomojn. Mi havas treegan ĝuon kapti el etero iun radio-ondon alportante al mi bonan muzikon. Sed baldaŭ muzikpeco finiĝas. La anoncanto diras kelkajn vortojn, nekonatajn, nekomprenatajn, eble holanda lingvo, eble dana, eble bulgara, eble . . . mi tute ne scias. Nu, mi atendas. Certe la sendstacio baldaŭ dissendos denove. Mi atendas, du minutojn, tri minutojn, kvin minutojn, dek minutojn. Ne plu estas eble, kapti la saman ondon. La sendstacio finiĝis sian sendadon. Sed mi atendas kaj atendas, ĉar mi ne komprenis la lingvon. Mi ŝparus tempon kaj ĉagrenon, se la stacio dirus en Esperanto: „La sendado estas finita.“ Pro tio necesas, ke la sendstacioj de la tuta mondo anoncas la finon de la sendado, grandajn paŭzojn kaj la komencon de alia dissendo en Esperanto. Pro la vokaloj ĝi estas bone komprenebla ankaŭ se oni ne bone ricevas ĝin.

Uzi la anglan aŭ germanan lingvon en tiu ĉi okazo tute ne estas eble, ĉar ambaŭ lingvoj ne posedas karakterizan sonon. Ankaŭ la franca lingvo, parolata tro rapide kaj pro tio ne bone komprenebla. Treege taŭga estas la itala aŭ la hispana lingvo. Kiun ne ĝojigas la belsona voĉo de la parolantino de radiofona stacio Roma? Sed ankaŭ la itala kaj la hispana lingvoj eksiĝas. Ambaŭ lingvoj nur estas komprenataj en Italio kaj Hispanio, sed eksterlande nur treege malmulte. Tiujn mankojn ne havas Esperanto. Ĝi estas belsona, kaj la vortoj estas sufiĉe karakterizaj por kompreni eĉ ne bone elparolitaj. Pro tio Esperanto estas la plej taŭga radio-lingvo kaj certe baldaŭ

la radio-lingvo!

* *Wellington (Novzelando).* — Paroladoj kaj kurso. Nova 5-kv.-stacio. Signo 2 YA. (L. E. D.).

* *Nagoja (Japanlando).* — De la 20-a ĝis la 29-a de Septembro (dum dek tagoj) je 6.30 ĉiuvespere po 30 minutoj, Nagoja Centra Radio-Stacio (JOCK) disaŭdigis radio-kurson de Esperanto. S-ro Joŝi H. Iŝiguro, Delegito de UEA, gvidis ĝin. Tiu ĉi estis la unuafoja esperanta kurso per radio en Japanlando.

*

## Nova kurso de stacio Königsberg.

Königsberg (ondo 329,7) estis la unua germana stacio, kiu plenumis la rezolucion de Lausanne. Jam la 15-an de Junio nunjara la stacio Königsberg komencis, ĉiutage je 19.55 h., sin anonci en Esperanto, kaj ĉiuvendrede inter 22 kaj 23 h., raporti en Esperanto pri la programo de la venonta semajno.

De l' komenco de Novembro la priparolado de la programo okazos ĉiusabate je 18.55 h. Dum la someraj monatoj la sunlumo de tiu horo malfortigus la eksterlandan ricevon.

La 27 Novembro komenciĝis nova perradia Esperanto-kurso, ĝi okazas ĉiudimanĉe de 18.45—19.15 h. Raportoj pri ricevo interesus nin. Adreso de l' stacio: Ostmarken-Rundfunk - A.-G., Königsberg i. Pr. (Germanujo), Ostmesse.

*

## Nova Radiostacio en Pollando.

En Pollando ekzistas nun tri radio-stacioj: en Warszawa, Krakow kaj Poznan. La kvara estas konstruata speciale por la industria kaj mineja parto de la lando, en Katowice, ĉefurbo de Silezio. Ĉiuj konstruajoj estas jam finitaj. La antenaj turoj 70 metrojn altaj estas muntitaj sur altaĵo de 350 metroj super la nivelo de Balta Maro. La granda alteco de la tereno kaj tiu de la turoj kaŭzos pli bonan aŭdadon.

Laborejo kaj oficejoj estas en centro de la urbo, ĉe str. Wawelska. Meze de Oktobro la nova stacio prenis la voĉon por disaŭdigi bonojn de la menso kaj animo.




# Tra la gazetaro

Antaŭ kelkaj jaroj ni akceptis mitologian artikolon — poste ni ricevis kritikojn de sentemaj personoj, kaj samtempe laŭdojn en formo de hispana, bulgara kaj germana tradukoj aperintaj en naciaj ĵurnaloj. Ankoraŭ unu fojon ni rememorigas, ke la redakcio respondecas nur pri nesubskribitaj artikoloj, la ceteraj estas afero de konscienco de la subskribintaj aŭtoroj. Jen venis ree protesto, kiun ni sube represas, kaj al kiu ni respondas per kelkaj linioj tradukitaj el la franclingva artikolo, kiu aperis en konata faka revuo „Le Capilariste et Paris-Coiffeurs Réunis":

*„La esperantistoj kaj la virino kun tranĉita hararo.*

*Esperanto ne estas ankoraŭ lingvo deviga, tial la tutmondaj esperantistoj estas certe la partianoj de la progreso kaj de la hararo tranĉita. Tamen ni tute ne atendis legi en la marta numero de la grava revuo „Esperanto", kiu estas organo de Universala Esperanto-Asocio, dupaĝan artikolon kun bildoj pri la virina hartranĉo. Tiu originala artikolo verkita en Esperanto de S-ro J. Reisinger en Genève, ne povis esti plibone farita de iu ajn moderna frizisto, inteligenta kaj instruita . . . Efektive oni permesas al virino mensogon de kriplaĵo, fardon kaj kolorigadon laŭ la modo, sed se ŝi mallongigas sian hararon por la plaĉemo, puremo kaj oportuneco, oni riproĉas al ŝi, ke tio ofendas la naturon . . ."*

* * *

Al la redaktoro de „Esperanto", Genève

Aprobe mi estas rimarkinta, ke ne aperas en via gazeto io, kio povus ofendi religian kredon kaj ke ĝi estas politike nepartia. Mi tial komprenas, ke vi ĉiam celas ne ofendi la sentimentojn de iu leganto.

Mi skribas al vi por protesti kontraŭ la publikigo de la artikolo en la marta eldono sub la titolo „La virina harmodo". Ĉi tiu artikolo favoras la novan modon de mallonga haro ĉe la virinoj.

Al iuj la longa haro virina estas multe pli sankta ol ia religia aŭ politika kredo. La „alloga paĝia harfrizo" ŝajnante al mi malbela kaj ridinda novajaĉo ofendas miajn sentimentojn plej fortajn kaj plej profundajn.

Esperante, ke ofendemaj artikoloj kiel ĉi tiu ne daŭros aperi en „Esperanto", mi estas samideane via

*B. G. D.*

*

Ni tute respektas ĉiujn opiniojn, por kaj kontraŭ tiu aŭ alia doktrino, modo, movado, tial ni lasas la liberecon al la legantaro — jen protesti, jen komplimenti al la artikoloj, kies varieco povas nur kontribui al la legindeco de la gazeto.

*

* En *La Fervojisto*, Oktobro 1927, S-ro Ilja F. Puhalo alvokas la fervojistojn esperantajn je pli energia kunlaboro. Tiu ĉi faka revuo jam aperas 5-an jaron kaj povus ekzisti, se nur duono de l' fervojistoj esperantaj plenumus la alvokon. Interesaj artikoletoj, fakaj, variaj sciigoj utilaj, pura presado.

* *Izvestija C. K. SEU* = Informilo de la Centra Komitato de la Sovetlanda Esperantista Unuiĝo. N-roj 9-12. Junio-Septembro 1927. 116 paĝoj en la rusa kaj esperanta (24 paĝoj). Artikoloj pri historio kaj teorio de Esperanto kaj mondlingvoj ĝenerale. Elementa kurso de la lingvo. Kroniko de la movado. Fakvortaro revolucia (ekz.: konspiro, komploto, ribelo, atenco, ekzilo, ekzekuto, mortpuno, konfisko, malliberejo, karcero, kamero, cenzuro, falsa pasporto, krimulo, tribunalo, detektivo, ĝendarmo, policano ktp.). Tiu ĉi centra organo de Sovetaj Esperantistoj estas eldonata en 3000 ekzemplerojn.

---

## Du kritikoj — sama konkludo!

El „Esperanto-Praktiko"

*Oficiala Jarlibro* de la Esperanto-Movado 1927. (Universala Esperanto-Asocio, Genève.) Ne aĉetebla, nur senpage donata al la membroj de UEA.

La Jarlibro de UEA nun elvenis la 15-an fojon, kaj ĉiu eldono superis la antaŭan laŭ amplekso kaj intereseco de l' enhavo. La nuna eldono konsistas el kvar partoj: ĝeneralaĵoj, esperantismo, Universala Esperanto-Asocio, reklamoj. La unua parto prezentas multajn sciindaĵojn pri tutmondaj aferoj kaj pri la ĉiutaga vivo, la dua donas fidelan kaj kiel eble plej fidindan bildon de la Esperanto-movado (internaciaj kaj naciaj asocioj, gazetoj ktp. kun adresoj), la tria parto enhavas ĉion, kio koncernas UEA-on, precipe la adresaron de la Delegitoj, alfabete orditan laŭ lokoj, kaj en la kvara parto sin konigas firmoj kaj aliaj entreprenoj uzantaj Esperanton. La libro estas vera trezoro por ĉiu posedanto; jam pro ĝi estas utile, fariĝi membro de la praktike laboranta universala asocio. Estas mirige, ke UEA, kiu por nur 5 svisaj frankoj jare havigas al siaj membroj tian abundon da materialo en sia Jarlibro, ne sukcesas atingi la jam de longe aspiritan membronombron dek mil. Do, esperantistoj, kiuj ankoraŭ ne estas membroj de UEA, aliĝu al ĝi por la venonta jaro! *Eko*

El „Sennaciulo"

*Oficiala Jarlibro* de la Esperanto-Movado 1927. 15-a jaro. Eldono de Universala Esperanto-Asocio, 12 Boulevard du Théâtre, Genève. Formato: 12 × 16½ cm, 480 + XXXII paĝoj. Prezo: senpaga por UEA-anoj.

Jen modela Jarlibro! — Zorge kompilita, bone aranĝita kaj taŭga ilo por neŭtralaj esperantistoj. La enhavo konsistas ĉefe el adresaro de la Delegitoj (254 paĝoj), el enciklopedio, informoj kaj reklamoj. Sed estas ankaŭ kelkaj tre legindaj artikoloj pri la esperantaj organizoj, iamaj pioniroj, literaturo, versfarado, kun citoj kaj eĉ bildoj de ĉefverkoj.

Ni ne povas kompreni, kial la UEA-movado ne kreskas pli rapide. Kion ni diras? Ĝi malkreskas! Kaj la estraro, sur aldonita folio, alarme vokas al la membroj, ke ili realiĝu kaj varbu, por ke ne pereu la asocio. Ni ne volas esplori ĉi tie pri la kialo de tia situacio . . . Ni nur diru nian sinceran bedaŭron, ke inter la burĝaj, aristokrataj, eĉ princaj esperantistoj ne troviĝas sufiĉe da sindonemo kaj monoferemo por prosperigi la neŭtralan movadon. Ĉu do la laboristoj, SAT-anoj, monopoligis tiujn virtojn? *E. L.*

P. S. Tio estas ioma trograndigo, ĉar UEA gajnis kelkcentojn da anoj en 1926. Ĝi ne malkreskas, sed ĝi devus pli rapide marŝi al 10000 por vivi solide. (Red.)

**TABELO de ENHAVO 1927 sekvos kun la januara numero!**




## Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

### Oficiala informilo

Jaro 1928, N-ro 12

*Jaro 1928.* — La 20-a administra jaro de UEA komenciĝis la 1-an de Novembro. Ni dissendigis al ĉiuj anoj invitilon repagi la kotizon kiel eble plej baldaŭ por faciligi al ni la laboron de l' registrado, kutime pli ampleksa dum la vintra sezono.

*Premio al fruepagintoj.* — La bona sperto pri la donaco de premio al fruepaginto, instigis nin daŭrigi tiun procedon. Ĉiu ano paginta la kotizon por 1928 ĝis 31 Decembro 1927, rajtas elekti du numerojn el „Biblioteko Tutmonda", laŭ la invitilo sendita al ĉiu.

*Premioj al Subtenantoj.* — Ĉiu persono, kiu aliĝas kiel Membro-Subtenanto por 1928, rajtas elekti unu premion. Ĉiu cifero indikas u n u elektaĵon. Bonvolu ĝin citi en la aliĝilo.

1. Biblioteko Tutmonda. Du serioj, 20 numeroj.
2. Verkaro de D-ro Zamenhof (pli ol mil paĝoj da teksto).
3. Jean Forge: „Saltego trans Jarmiloj".
   Mabel Wagnalls: „Palaco de Danĝero".
4. La Sankta Biblio (luksa eldono).
5. Delsudo-Laiho: „Aŭstralio", lando kaj popolo. Luksa volumo. 31 ilustraĵoj, landkarto.
   Wüster: „Zamenhof-Radikaro".
6. Ekspozicia materialo, riĉa kolekto de esperantaj presaĵoj, foiraĵoj, gazetaro, reklamiloj, pli ol 5 kg.
7. Vortaro Grosjean-Maupin: Franca-Esperanta — Esperanta-Franca.
8. Vortaro Bennemann, Handwörterbuch Deutsch-Esperanto.
9. D-ro Edmond Privat: „Historio de Esperanto", unua kaj dua parto. (Kun aŭtora subskribo.)

*Varbado.* — La varbado de novaj anoj ĝis nun ne estis metode aranĝita laŭ maniero de aliaj societoj, kiel ekzemple turingkluboj. Ni intencas partoprenigi la membraron al tiu ĉi laboro kaj konsentas sendi al ĉiu ano varbinta novan membron, laŭ elekto unu ekzempleron el jenaj libroj:

a) Fundamento de Esperanto (kvinlingva);
b) Lingvaj Respondoj de D-ro Zamenhof.

Varbinte novan Membro-Abonanton aŭ Subtenanton la varbinto rajtos elekti u n u ekzempleron el:

I n t e r n a c i a  M o n d l i t e r a t u r o:

Vol. 1: Goethe, J. W. v., „Hermano kaj Doroteo";
Vol. 2: Niemojewski, A., „Legendoj";
Vol. 3: Turgenev, I. S., „Elektitaj Noveloj";
Vol. 4: Raabe, Wilhelm, „La Nigra Galero";
Vol. 5: Hildebrand, „El la Camera Obscura";
Vol. 6: Irving, Washington, „El la skizlibro";
Vol. 7: Chamisso, Adelberto de,
„La mirinda historio de Petro Schlemihl";
Vol. 8: Stamatov, G. M., „Nuntempaj Rakontoj";
Vol. 9: Salom-Aleĥem, Perec, „Hebreaj Rakontoj";
Vol. 10: Puŝkin, „Noveloj";
Vol. 11: Poe, Edgar Allen,
„Ses Noveloj el Rakontoj de Mistero kaj Imago";
Vol. 14: Balzac, Honoré de,
„La firmao de la kato, kiu pilkludas";
Vol. 15: Doroŝeviĉ, Vlas, „Orientaj Fabeloj";
Vol. 16: Sienkiewicz, Henryk, „Noveloj";
Vol. 17: Strindberg, August, „Insulo de Feliĉuloj";
Vol. 18: Bertrana, Prudenci, „Brabaraj Prozaĵoj";
Vol. 19: Ŝimunoviĉ, Dinko, „Ano de l' Ringludo";
Vol. 20: Eekhoud, Georges, „Servokapabla! Marcus Tybout".

*Jarlibro 1928.* — Ni rememorigas la organizaĵojn esperantajn, gazetojn kaj ĝenerale ĉiujn, kiuj havas korekton aŭ plibonigon por doni, tion fari kiel eble plej baldaŭ.

*Interkonsento kun ILEPTO.* — UEA interkonsentis kun la Internacia Ligo de Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj pri interŝanĝo de servoj konforme al la statuto, art. 14. La interkonsento, subskribita de la Prezidanto kaj de la Direktoro de UEA kaj de la Prezidanto D-ro Spielmann kaj de la Generala Sekretario S-ro R. Filliâtre por ILEPTO validas de 1 Novembro 1927 ĝis 31 Oktobro 1930.

*Elekto al la Komitato.* — Pro teknika neebleco, tiu ĉi elekto iom prokrastiĝis. Partoprenas en ĝi la Delegitoj. La dokumentoj estas dissendataj dum Decembro kun Oficiala Bulteno N-ro 21. Delegitoj nericevintaj tiun sendaĵon bonvolu tion komuniki al ni. La definitiva listo de la kandidatoj estas:

| Landoj aŭ grupoj de landoj | Proponitaj | Kandidato | N = nova | M = malnova |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio, Hungario | 1 | D-ro Sós, Wien | N | |
| Belglando | 1 | S-ro Pétiau | | M |
| Britlando | 1 | S-ro Blaise | | M |
| Bulgario, Balkano | 1 | S-ro Minkov | | M |
| Ĉeĥoslovakio | 2 | S-roj Hromada, Scholze | | M |
| Danlando, Norvegio | 1 | S-ino Bliĉher | | M |
| Finlando (Baltaj Ŝtatoj) | 1 | S-ro Setälä | | M |
| Franclando | 2 | S-ro Gènermont | | M |
| | | D-ro Poncet, Louhans | N | |
| Germanio | 3 | S-roj Rockmann, Karsch, | | M |
| | | P-ro Dietterle | | M |
| Hispanio, Portugalo | 1 | S-ro Pino, Valencia | N | |
| Italio | 1 | S-ro Tellini | | M |
| Jugoslavio | 1 | D-ro Maruzzi | | M |
| Nederlando | 1 | S-ro Isbrücker | | M |
| Svedlando | 1 | Rektoro Jansson, Lidingö | N | |
| Svislando | 2 | S-ro Bouvier, D-ro Privat | | M |
| Usono (Ameriko) | 1 | S-ro Parrish | | M |
| Nombro | 21 | El ili 4 novaj, 17 antaŭaj anoj. | | |

*Komercaj Delegitoj.* — La statuto, art. 16, antaŭvidas elekton de fakaj delegitoj. Laŭ la bezono nun ekzistanta ni komencas elekti aŭ elektigi tiajn por komerco. Krom la kutimaj reguloj pri la delegitoj la Delegito por Komerco devas posedi jenajn kvalitojn:

a) esti memstara komercisto;
b) aŭ supera oficisto en prikomerca entrepreno, ekzemple komerca ĉambro, internacia foiro, sindikato komerca;
c) supera oficisto en komerca entrepreno.

La Delegito por Komerco devas respondi nur informpetojn pri komerco, laŭregule ŝaratajn. La adresoj de D por Komerco aperos en la oficiala gazeto kaj en la jarlibro.

*Komerca delegiteco en Lyon.* — Laŭ interkonsento inter UEA kaj la Lyona Foira Komitato, la Esperanto-Fako de tiu foiro fariĝas la sidejo de la Komerca Delegiteco de UEA en Lyon.

S-ro Richard Lévin, Fakestro por Eksterlanda Propagando ĉe la Foiro de Lyon, estas nomata Komerca Delegito de UEA, konforme al la statuto (art. 16, lasta parto).

Adreso: S-ro Richard Lévin, Delegito por Komerco, Esperanto-Fako de la Foiro de Lyon, Hôtel de Ville, Lyon.

S-ro Richard Lévin informos senpage pri ĉiaj aferoj koncernantaj komercon kaj industrion. Repago de la elspezoj estos petata, se temas pri informo speciala bezonanta certan tempon por plenumo.

### Novaj delegitoj:

**Altrincham, Britlando. D. S-ro D-ro Sydney Whitaker, Oak House, Dunham Rd.**
**Beerta, Nederlando. D S-ro Pieter Korte, Lernejestro, Drieborg' ap. Beerta**
**Bonn am Rhein, Germanio. D. S-ro Alfons Kühnen, Belderberg 10**

**Champigny s. Marne,** Franc. D. S-ro Raymond Laval, 5 bis Av. de la Fourchette
**Charvatská Nová Ves,** ČSR. D. S-ro Antonín Vája, instruisto
**Dublin,** Irlando. VD. S-ro J. J. Siggins, 23 Upr Clanbrassil str.
**Fél,** ČSR. D. S-ro Vazul Pogány, Bratislavska župa
**Frössnitz-Wallnitz** apud Halle-Saale, Germanio. D. S-ro Martin Hönig
**Galati,** Rumanio. D. S-ro D-ro Siegmund Kanner, Str. instructiei 12
VD. S-ro Willi Palmich, str. Brailei 53
**Haskovo,** Bulgario. D. S-ro Delčo Haralanov, instr. I-a gimnazio
**Knurów,** Pollando. D. S-ro Antoni Pierchala, Rybnicka 33
VD. S-ro Wiktor Grzegorzyca, Wilsona 15
**Leszno,** (Blonie) Pollando. D. Pastro Adam Furmanik
**Mortsel,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Maurice Pairon, Lange Weg 19
**Osman-Pazar,** Bulgario. D. S-ro Atanas, Bojaĝiev, instr. „Generalska" 50
**Paŝmakli,** Bulgario. D. S-ro Neno M. Abaĝiev, oficisto
**Petrič,** Bulgario, Makedonio. D. S-ro Georgi Andreev, oficisto
VD. S-ro Andon N. Sandakčiev, komeristo
**Rayack,** Sirio. D. S-ino Marie David-Rousset, Poste Météorologique s. p. 606
**Sadala,** Estonio, Tartu. D. S-ro Eduard-Anton Jürgenson, farmaciisto
**Schaffhausen,** Svislando. D. S-ro Alfred Tobler, Bogenstrasse 2
**Seifen,** ČSR. D. S-ro Karl Czech, paroĥestro, Seifen P. Platten
**Slatina,** ČSR. D. S-ro Jaroslav Machek, Slatina, l. p. Chanovice ap. Horaždovice
VD. S-ro Johano Kruta, Slatina, l. p. Chanovice ap. Horaždovice
**Solothurn,** Svislando. VD. S-ro Friedrich Walther-Born, Burgunderstr. 325
**Speyer a. Rhein,** Germanio. D. S-ro Friedrich Wetzig, Kreuztorstr. 15 bei Ambos

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la unua publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**Ŝanĝoj:**

**Ajtos,** Bulgario. D. S-ro Janko Georgiev, komercisto
**Berkeley,** USA. Kalifornio. D. S-ro F. A. Postnikov, 1325 Santa Fé Avenue
**Bolton,** Britlando, Lancash. D. S-ro Charles Ormerod, 150 Spa Road
**Dölzschen,** Germanio, Sa. D. S-ro Otto Müller, Dölzschen-Dresden 27, Am Döbschgraben
**Genève,** Svislando. D. S-ro Rinaldo Borsa, 73 Rue de Lyon
**Hilversum,** Nederlando. D. S-ro J. F. E. von Römer, Huize Larendal, Laren
**Hull,** Britlando. VD. S-ro F. W. Coulson, 66 Ormonde Avenue, Beverley High Rd.
**Jasina,** ČSR., Subkarpata Rusio. D. S-ro Bernat Farkaŝ, instruisto
**Jilemnice,** ČSR. D. S-ro Oskar Scholz, čp. 273
VD. S-ino Zdenka Scholz, čp. 273
**Krefeld,** Germanio, Rhld. D. S-ro Alex Stöcker, Stefansplatz 12
**London,** Britlando. ĈD. S-ro Philip Kay, 34 Craven Walk N. 16
**Meiningen,** Germanio. D. S-ro Alfred Zentgraf, Luisenstr. 2
**Melbourne,** Australio, Vic. VD. S-ro Roy R. Rawson, 181 Exhibition Street
**Niemes,** ČSR., Leipa. D. F-ino Elfriede Schwarzbach, Brückengasse 25
VD. S-ro Rudolf Burkert, Kalvariengasse 34, IV
**Puletschnei,** ČSR. D. S-ro Berthold Lucke, No. 71
**Stara Paka,** ČSR. D. S-ro František, Portych, instruisto
VD. S-ro Bohuslav Trybenekr, instruisto
**Saint Petersburg,** Usono, Florida. D. S-ino E. Ester Owen-Flint, 721-5th Str. North
**Tilburg,** Nederlando. D. S-ro Emile A. O. Vossen, komercisto, Markt 3

*En la jenaj lokoj provizore ne plu estas delegitoj:*

Le Perreux s/Marne (Franclando), Namestavo (Ĉeĥoslovakio), Neuhof (Ĉeĥoslovakio), Radkyne (Ĉeĥoslovakio), Rosochacz (Pollando), Rozsochy (Ĉeĥoslovakio), Saint Hélier (Britlando), Shitchurch (Britlando).

---

*Korespondado.* — Pro foresto de la Direktoro la korespondado iom prokrastiĝas dum fino de Novembro kaj komenco de Decembro. Oni bonvolu pacienciĝi.

*Por ke UEA venku la krizon!* — Lastmomente ni informas kun plezuro, ke la kolekto favore de UEA donis la sumon de 3000 svisaj frankoj. Pro la bilancaj laboroj la preparo de la listo de la donacintoj ne povis esti farita por la nuna numero. Ĝi aperos en la januara numero kun financa raporto pri 1927. Al ĉiuj donacintoj koran sinceran dankon!

Genève, 15 Novembro 1927. *Hans Jakob*
Direktoro de UEA

# Esperantista parolejo.

## Oni proponas!

En la Jarlibro la adresoj ĉiam estas presitaj nur en la nacia lingvo, kiun la fremduloj ofte ne povas legi — plej ofte ne povas elparoli.

Kiam franco elparolis Berlinan adreson mi tute ne komprenis lin. Post esploro mi spertis, ke li legas germanan adreson laŭ franca maniero, por germano ne kompreneble.

Mi proponas, ke la elparolado de la adresoj, precipe la nomoj de la urbo kaj strato, estu skribitaj ankaŭ esperante, ekzemple Paris (Pari), Bruxelles (Brisel), Danzig (Dancig) ktp., por plifaciligi la interrilaton de la vojaĝantoj.

*Ano de UEA*

(Respondo: Tiu ĉi propono jam ofte estis farata. Praktike ĝi renkontos certajn kaj por ĝin diri tuj, nevenkeblajn malfacilaĵojn kaj komplikaĵojn. Ceteree por prezenti iom proksimume prononcon ni devus uzi konvenciajn signojn, neniam kontentigantaj. Franco nelerninta germanan lingvon, vidinte vorton „Aachen", diros Aŝen kaj neniel provas diri Aaĥn. Restus ankoraŭ la adresoj mem. Ni prenu ekzemple „Tauentzienstrasse", kio devus esti reprezentota „Taŭencinŝtrase" ktp. Jam multaj provoj estis faritaj por internacie prezenti nomojn de lokoj, sed sensukcese.)

*

## Oni plendas!

Ofte oni plendas pri nerespondo al korespondaĵoj. Tro ofte tamen oni kulpigas la adresaton, dum en multaj kazoj la kulpo estas tute al la adresanto.

Inter la multaj kartoj, kiujn mi ricevis, diversaj estas kiujn mi ne povas respondi. Unu mencias nur la nomon de l' sendinto sen la adreso, alia mencias sinsekve kaj unulinie tri nomojn eble familinomon, strat- kaj urbnomon kaj lasas al adresato diveni kiu el tiuj nomoj povus esti tiu de l' adresanto. La stampo kaj, se legeble, la stampilsigno helpas ofte disvolvi la enigmon.

La adresantoj forgesas tro ofte, ke ili skribas al eksterlandanoj nekonantaj ilian lingvon, eĉ la urbon aŭ vilaĝon. Plue diversaj kartoj ne estas respondeblaj pro nelegebla skribo.

Por bona interkorespondado kaj por eviti elrevigon estas necese skribi unue tre legeble precipe la adreson, prefere oni skribas la adreson per presliteroj.

Se ĉiu korespondanto tion ĉi atentus, sendube plendoj malaperos.

Breda, Nederlando. *C. Diepstraten*

## Oni laŭdas!

* S-ro *Majoro Raven-Hart*, DM de UEA, plej kore dankas al Ges-roj Blicher en København, S-roj Ehlers kaj Gerstner en Hamburg, S-roj Orthal kaj Isner en Nürnberg, kaj al S-ro Jung en Strasbourg pro helpo dum vojaĝo.

* F-ino *F. H. Chinery* el Ipswich (Angl.) kore dankas al S-ro Hermann Tobusch, VD el Freiburg im Breisgau (Germ.) pro afabla helpo dum vizito.

* S-ro *F. Douglas Murphy*, D el Ipswich (Angl.), varme dankas al S-ro Jozias Davidse, D el Vlissingen (Nederl.), kaj al S-ro P. Zeegelaar el Souburg (Nederl.) pro ilia sindona gastemeco dum restado en insulo Walcheren.

* S-ro *Artur Gitzinger*, D de UEA en Solingen (Germ.), kore dankas al S-ro Paris, VD en Basel, S-roj La Pila, R. Alemani en Milano, F-ino Natta, S-roj Bisetti, Fr. Ramolfo en Torino, S-ro Arabeno, D, kaj S-ro Vittoria Segré en Genova pro afabla helpo dum vojaĝo.

* S-ro *Laur. Gonsalves*, D de UEA en Kingstown, St. Vincent (Antiloj), dankas al samideano en Galkhausen (Langenfeld) por nepetita alsendo de propagandajoj. Lia nomo estis bedaŭrinde ŝirita de la pakajo.

* S-ro *Kowner*, ano de UEA en Moskvo, plenkore dankas S-ron Léon Belhoste, D de UEA en Parizo, pro gravega helpo dum studvojaĝo kaj restado.

* F-ino *Marie Moudra*, membro de UEA en Praha, post reveno el Franclando elkore dankas al afablaj francaj samideanoj, precipe al S-roj delegitoj: Ploussu, Ledoux kaj Moncenix en Grenoble, prof. Caillet en La Mure, Cresp en Cannes, al itala delegito S-ro Donetti, tiutempe en Menton, pro ilia tiom valora helpo kaj amika servo.

* S-ro *F. Severyns*, D de UEA en Cuyk (Nederlando), kore dankas S-ron Schafroth, D en Burgdorf (Svis.), por informo pri 3-a regimento de huzaroj dum la Napoleona milito, 1807—1814.

## Esperantista vivo.

*Naskiĝo.* — Al Ges-roj *Pedro Garcia*, D de UEA en Ceuta (Hispana Maroko), naskiĝis filino nomita esperante, Bruna Fidelina.

*Fianĉiĝo.* — S-ro *Mariano Kalvo*, ano de UEA 25616 en Buenos-Aires, kun F-ino *Herme Aguirreburualde*.

— S-ro *Gerard De Boes*, D de UEA kaj prezidanto de grupo „Al Triumfo" en Sint Niklaas (Belg.), kun F-ino *Irma Buttenaere* el Antverpeno.

*Edziĝo.* — S-ro *Josef Leopold Vogel*, D de UEA en Salzburg (Aŭstrio), kun F-ino *Anjo Lede*, ano de la laborista grupo en München.

— S-ro *Gerard De Boes*, prezidanto de la loka grupo kaj D de UEA en S-ta Nikolao, Belgujo, edziĝis la 19-an de Novembro, kun F-ino *Irma Buttenaere*.

— F-ino *Ruzena Kralikova*, MA de UEA en Praha, kun S-ro *Viktor Herzig*.

— F-ino *Domenica Pomarici*, MA de UEA en Milano, kun S-ro *Cesare Villa*.

***La nuna numero estas 28-paĝa.***
***Kun ĝi estas sendata N-ro 24 de la Bulteno de l' Internacia Labor-Oficejo en Genève.***

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro *K. B. Divekar*, 75-jaraĝa, patro de A. K. Divekar, D de UEA, mortis la 20-an de Septembro 1927 en Bombay.

S-ino *G. Moscheles*, London, edzino de l' konata pacamiko kaj esperantisto Felix Moscheles, 20. X. 1927. Malgraŭ ŝia aĝo ŝi partoprenis la Danzigan kongreson.

S-ino *Lillian M. Pyke*, bofratino de S-ro Pyke, D de Aŭstralia Esperantistaro al la XIX-a kongreso, verkistino de romanoj en angla lingvo por junuloj. Ŝi kaŝe propagandas nian aferon en la romanoj, speciale en lasta eldonita „Wife by Proxy".

S-ro *Mikaelo Gimeno Puchades* en Valencia. „La Suno Hispana" funebras, ĉar li estis kune kun la fondinto de nia revuo, la memorinda esperantisto S-ro Augusto Jiménez Loira, la pioniro de tiu verko en Hispanio, tial ke S-ro Gimeno estis la unua hispana presisto, kiu ekkomprenis ke nia lingvo estis kapabla konkeri la tutan mondon, kaj faciligis al la fondinto de „La Suno Hispana" la penojn por publikigi ĝin. S. H.

D-ro *Alcibiades Correia Paes*, en Aracaju (Brazilo). Dank' al liaj klopodoj estas aprobita 1918 leĝo permesanta la nedevigan instruadon de Esperanto en la normala kaj duagradaj lernejoj en ŝtato Sergipe.

S-ro *Willy Jahn*, instruisto en Radebeul (Germanujo).

*S-ino Karin Thilander.* — Terura bato frapis nin ĉiujn. Forpasis de ĉi tiu mondo la belega, aminda spirito de Karin Thilander. Trankvile, sendolore ŝi endormiĝis la 13-an de Oktobro. En plena vivo, je la dekunua horo matene, ŝi sidis ĉe sia skribtablo kaj ĵus ekvokis per telefono amikinon, kies respondon ŝi ne plu aŭdis.

Gravega estas la perdo! Gravega al tiuj, kiuj nur konis ŝin per la ĉarmaj, plenhelpaj respondoj; neplenigebla manko restos en la vivo de ŝiaj pli intimaj amikoj, kiuj komprenis la kuraĝon, la konstantecon de ŝia naturo. Terura, nedirebla senigo preskaŭ de la vivo mem estas ŝia foresto al la amata viro, kiun ŝi flegis kaj subtenis spirite dum tiom da jaroj. Ho! kiel ĝoje ili kunvivadis! Kiel dolĉe radiis de la du kunaj spiritoj helpo kaj kuraĝigo al ĉiuj samsortanoj. Nur sanktaj memoroj al li restas pri la benita kunesto.

Ho, Dio gardu lin, Dio donu al li fortecon, ĝis tiam, kiam la dividita spirito reunuiĝos en ĉiama feliĉego. Por li fluas niaj larmoj. *W. P. Merrick*

S-ino *Heleno Toader*, nask. Benedek, edzino de S-ro Adalberto Toader, D de UEA en Teius, Rumanio, 24. X. 1927.

**Sinceran kunsenton!**



# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj

### Averto!

S-ro Antin Karatnyckyj el Kolomea, Pollando, sciigas, ke sekvantaj anoncintoj malgraŭ kelkfoja peto je rekomendita poŝtmandata sendaĵo ne respondis:

Armand Vrancken, Antwerpen
Cecil Lowther, Brunswick (Aŭstralio)
Takeo Karakawa, Kioto (Japanio)
Emanuel Rozenstein, Cape Town (Afriko)
Ivan Naumov, Varna (Bulgario)
Ligiierri de Cinca, Huesca (Hispanio)
Nevzad Bej, Tire (Turkio).

Se mi post 2 monatoj ne havos de jenaj sinjoroj respondon, mi avertos duan fojon por malhelpi similan procedon al aliaj.

### Aŭstralio.

**Drouin** (Victoria). S-ro N. Simpson, farmisto, L, PI kĉl., nepre respondos.

### Belglando.

**Liège.** S-ro Konstantin Koleff, rue Comhaire 62, PI, L, PK kĉl., certe respondos.

### Bulgario.

**Elhovo.** S-ro Grigor Genov, uzitajn bulgarajn PM kontraŭ germanaj aŭ francaj lernolibroj de supera matematiko, fiziko kaj elektrotekniko — nur novaj eldonoj.

**Eski-Ĝumaja.** S-ro Nikola St. Ĉalakoff, ul. Krivolak, oficisto, 23-jara fraŭlo, L, PI, PK ĉiaj temoj, prefere kun samideanoj el Ĉeĥoslovakio, Hispanio kaj Sudameriko.

**Stara Zagora.** S-ro Zlatko Ĉarakĉiev (Riry), str. Gladstone 40, 18-jara junulo volas interkorespondi germane aŭ esperante kun iu junulo el Aŭstrio. La celo de la korespondado estas unumonata (aŭ pli malmulte) vizitado dum la somera libertempo por perfektigi la germanan lingvon. Poste la aŭstriano redonos la viziton. Portretoj nepre.

### Ĉeĥoslovakio.

**Braunau-Voigtsbach.** S-ro Rudolf Scholz, 50—50000 PM ĈSR, estinta Aŭstrio, Bosnio kontraŭ la sama nombro de via lando.

**Broumov N-ro 259.** S-ro Jozefo Frank, oficisto, L, PK, PI bfl., Gaz., Esperantaĵoj kĉl., precipe kun Germanio, Anglio, Japanio esperante, angle kaj germane. Respondo garantiata.

**Červený Kostelec.** S-ro Zdeněk Skalský, fotografisto, PI, PM kĉl., ĉiam respondas.

**Frýdek-Místek.** Klubo esperantista aranĝos Zamenhofan feston kaj korespondvesperon. Gesamideanoj sendu PI. Respondo garantiata.

**Karvinná.** S-ro Adolf Zipser, oficisto ĉe firmo „Alianc", L, PI kĉl., prefere kun ekstereŭropanoj. Nepre respondos.

**Melč-Slezsko.** S-ro Jaroslav Novobilský, instruisto, Del. de UEA, serĉas korespondantojn por siaj lernantoj 13—15-jaraj.

**Písek.** S-ro Ant. Franěk třída Svobody 166, PM, PI bfl kĉl. fotoj, Gaz. Ne sendas unue, sed certe respondas. PM malnova Aŭstrio, Bosnio-Herc., Montenegro, Ĉeĥoslovakio.

**Praha XIV.** S-ino Terezie Krejčí, Benešova 116, PI, PM kĉl.

**Praha I.** S-ro Bohumil Šperlink, Perštýn 11, PI, PM kĉl.

**Reichenberg.** S-ro Heinrich Michalek, Lerchenfeldstrasse 20, L, PK pri pacifismo, homara progreso, radio, Esperantaĵoj.

**Schmiedeberg i. B.** S-ro Ludwig Liebald, fakinstruisto, deziras ricevi PI, koloritajn kun bildoj de historiaj kaj artaj konstruaĵoj, popolkostumoj, karakterizaj pejzaĝoj, tipaj domoj kaj kulturoj el ĉiuj landoj. Certe respondos.

**Staňkov 217 apud Plzeň.** S-ro F. Ernst, tajloro, L kun samfakanoj en Eŭropo, PI, PM kĉl. Ĉiam respondas.

**Topkowitz No 23 a. d. Elbe.** S-ro Alfred Tschiedel, PI bfl kĉl.

### Finlando.

**Joensuu.** F-ino Helvi Asikainen, Merimiesk 6, PI kĉl.
**Joensuu.** F-ino Lempi Kempe, Kouluk 16, PI kĉl.
**Joensuu.** F-ino Elin Parviainen, Peltola, PI kĉl.
**Joensuu.** F-ino Hildi Sarkkinen, V. set Wahlgrén, PI kĉl.
**Joensuu.** F-ino Alice Sundquist, Kirkkok 8, PI kĉl.
**Joensuu.** F-ino Salme Varis. Peltola, PI kĉl.
**Joensuu.** F-ino Tyyne Vartiainen, Malmik 3, PI kĉl.
**Joensuu.** S-ro Martti Airaksinen, kun filatelistoj.
**Joensuu.** S-ro Viljo Karttunen, Niinivaara. pri geografio kaj literaturo.
**Joensuu.** S-ro V. Taskinen, O. Wahlgrén, PI kĉl.
**Mulo.** F-ino Aino Kärkkäinen, PI kĉl.
**Wasa.** S-ro J. Reiber, Korsholmsesp. 45, PI, PM kĉl.

### Franclando.

**Toulouse.** S-ro T. Trajanov, Rue Puymaurin, L, PK pri diversaj temoj kĉl.

### Germanio.

**Bad Warmbrunn i. R.** S-ro Hans Zimpel, Ziethenstr. 22, PI, L, ĉiam respondos.

**Gr. Steinheim** (Hessen). F-ino M. Goebel, instruistino, Schönbornstr. 26, PM, L, PI.

**Habelschwerdt** (Silezio). S-ino Fr. Boettcher, Ring 28, L, PI kĉl. pri ĉiuj temoj. Respondas certe.

**Habelschwerdt** (Silezio). S-ro Clemens Urban, Damaschkestr. 33, L, PI precipe kun Ruslando, Hispanio, Turkio, Greklando, Japanio kaj nordlandoj pri ĉ. temoj. Respondas certe.

**Loewenberg i. Schles.** S-ro K. Kliem, Bismarckstr. 12, L, PI kĉl. Respondas nepre.

**Magdeburg.** Konvenan korespondadon serĉas por 200 gelernantoj (12—14 jaraj) kaj por 35 lernantoj de komerca lernejo (15—17 jaraj) Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Sandtorstrasse 8, Magdeburg.

**Mainz a. Rh.** S-ro J. Schilling, Ulerstr. 53, PM, PI.

**Polsnitz 15, bei Freiburg i. Schlesien.** S-ro Gustav Gebauer, L, PI, precipe kun Hispanio.

### Hispanio.

**Colonia Ametlla de Merola** (Barcelona). S-ro Alberto Cardona, PI, L kĉl. Ĉiam respondas.

**Palma de Mallorca.** S-ro Aurelio Nadal, Str. San Elias 9-2, deziras interŝanĝi muzikaĵojn kĉl. Nur sendu muzikon por piano; mi sendos laŭvole.

### Hungario.

**Debreczen.** S-ro Lajos Kiss, pentristo, Homokkert-utca 91, PI bfl kĉl.

**Debreczen.** S-ro Ernö Vámosi, komercisto, Ajtó-utca 24, PM kĉl.

### Italio.

**Bologna.** S-ro Jaime Tellini-Milliari, med. stud., Casella postale 127, L, PI bfl kun profesoroj kaj studentoj.

**Vicenza.** S-ro Johano Vangelistà, R. R. Posta, Del. de UEA. Kiu vojaĝos Italien skribu al mi. Nepre respondas.

### Jugoslavio.

**Janjina** (Dalmacio). S-ro A. Marinović, Del. de UEA, PM laŭ Yvert kĉl.

### Luksemburgo.

**Rodange.** S-ino Anny Schoeters, nur PM prefere valorajn kun seriozuloj, bagatelaĵojn ne akceptas.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak 95, PM kĉl.

**'s Gravenhage.** S-ro J. R. Rosseel, Soestdijkkade 98, PI, L kĉl Nepre respondos.

### Saarteritorio.

**Engelfangen, Saar.** S-ro L. Luckenbill, Del. de UEA, deziras interŝanĝi PM laŭ Michel-katalogo 1928, PI bfl.

### Svedio.

**Gävle I.** S-ro G. W. Bodinson, Jarlavägen 2, interŝanĝas PM kĉl. laŭ katalogo Yvert 1927 kaj 1928 aŭ kvanto kontraŭ kvanto. Por 100 PM el Saarteritorio, Turkujo kaj Japanujo mi sendas 200 PM el Skandinavio. El Germanujo nur la plej novajn. Ne sendas unue. Respondo garantiata.

### Turkio.

**Aidin.** S-ro M. Said, oficisto, Agrikultura Banko, PI kĉl.

**Smyrna.** S-ro Mehmed Emin, no. 360, Liceo, PI kĉl.

### Usono.

**Clinton** (Missouri). S-ro E. O. Hamilton, 637 W. Jefferson, L, PI bfl kĉl. Mi ricevis unu karton en lasta tempo.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco

**Atentu kolektantoj.** Sendu malgrandan kolekteron de bonkvalitaj kaj pli valoraj PM. Interŝanĝo nur laŭ katalogo. Resendas tuj. Bagateloj ne akceptataj kaj respondataj. S-ro Schulze, Trompeterstrasse 1, Dresden-I.

**Biblio:** Mateo 6, 25—34 = Luko 12, 22—31. Ĉiu, kiu ne komprenas tiun tekston skribu al S-ro Severyns, 6. S. Cr. St. Agatha (Cuyk), Nederlando. N. B.: nepra postulo = indiku kialon de nekompreno.

**Damludaj Libroj,** ĉiuspecaj, ĉiulingvaj. Kvotu prezojn. Komuniku precizajn titolojn aŭtornomojn, statojn, formatojn, datojn, paĝonombrojn, enhavojn ktp., al Seelbach Checker, Service 3646, Laŭrence Avenue, Chicago, Illinois, USA (Usono).

**Eksporto.** La Komerca firmo The „Espero", Commercial Co., Pireo, Greklando kies fondintoj, S-roj Asimakopulo kaj Papadopulo estas la Prezidanto kaj la Sekretario de la Pirea Esperanta Grupo, anoncas al la interesiĝantoj ke ĝi akceptas ian ajn komision rilate la eksportadon de Grekaj produktaĵoj, t. e. tabakoj, figoj, sekvinberoj, vinoj, ktp. Ĝi ankaŭ akceptas komercajn reprezentadojn el tuta eksterlando. Adreso: The „Espero" Commercial Co., Pireo, Greklando.

**Filatelisto atentu!** Estas serĉata vigla interŝanĝo de poŝtmarkoj kun la tuta mondo kontraŭ poŝtmarkoj de Orienta Silezio, Ĉe oslovakio kaj aliaj laŭ bazo de kat. Yvert 1928. Mi akceptos ankaŭ la novajn neuzitajn 5—20 de la sama speco. Bagateloj rifuzitaj. Tuja respondo. Rekomenditajn sendaĵojn filatelie afrankitajn sendu al S-ro Jan Bestl, vicdelegito de UEA, Slezská Ostrava 1201, Ĉehos.

**Filatelisto.** Sendu al mi el via lando novajn kaj malnovajn PM, vi ricevos jugoslavajn samkvante kaj samvalore laŭ Yvert. Ante Marinovič, Del. de UEA, Janjina-Dalmacio, Jugoslavio.

**Fotografaĵoj** de la XIX-a kongreso en Danzig kaj en Varsovio estas aĉeteblaj por 0.15 USA dol. po unu ekzemplero aŭ egalvaloro en alia mono. S-ro Golosow, fotografisto, ul. Chmielna 8, Warszawa, Pol.

**Franca lingvo.** Lernu francan lingvon rapide! Postulu informon. Pago po leciono aŭ po kurso. Professeur Bousquet, Impasse Lefort 11, Le Havre, France.

**Karakterpriskribado** el manskribo, prezo UEA-bileto de 5 sv. fr., 1 dolaro aŭ samvaloro: F-ino G. de Waart, Box 23, Hilversum, Holland. Sciigu sekson, aĝon, naciecon. Rekomendita respondo.

**Mondlingvoj.** Bibliografia Servo de UEA nun entreprenis grandan laboron kiu celas verki kaj presigi laŭeble kompletan katalogon de ĉiuspecaj broŝuroj, libroj, gazetoj, gravaj artikoloj, aperintaj presforme en ĉiuj tempoj kaj landoj, kaj rilatantaj al Esperanto, Volapük, Ido, kaj tricent ceteraj projektoj de artefaritaj lingvoj, pasigrafioj, universal-alfabetoj, ciferlingvoj, ankaŭ verkojn kontraŭ ideo de mondlingvo. Tiu grava Bibliografio de Mondlingvo aperos 1928 en formo de dika libro, 16 x 11. Sen bonvola kunhelpo de tutmondaj samideanoj estos al ni neeble trovi sciigojn pri maloftaj eldonaĵoj, kiuj restas kaŝitaj en privataj bibliotekoj kaj librovendejoj. Ni do atentigas ĉiujn spertulojn pri mondlingvoj ke ilia klera helpo estas atendata, kaj estos laŭpove rekompencita, almenaŭ citita en la verko mem kiu estos kvazaŭ natura komplemento al la „Histoire de la langue universelle" de Couturat Leau. Tiuj du verkoj restos por jarcentoj la solaj fundamentaj verkoj pri la Mondlingvo. Ni do petas sendi al ni maloftajn mondlingvaĵojn, aŭ almenaŭ precizajn sciigojn pri ili: aŭtoro, titolo, jaro, urbo, eldon-kaj presejo, paĝonombro, formato, ktp. plej precize. La Bibliografio estos kompostata jam de Januaro, do bonvolu rapidi. Foliumu katalogojn de via urba biblioteko, serĉu ĉe malnovlibristoj de via loko, certi vi eltrovos du-tri maloftaĵojn, pri kiuj neniu scias. Helpu al nia penega serĉado.

**Nova Etimologio pri la vortoj en Esperanto** (Korelativoj ktp.) Ĉiu kiu havas malfacilaĵojn pri etimologia klarigado laŭ la malnova metodo skribu al la sama adreso. N. B.: nur tiuj kiuj klarigos science siajn malfacilaĵojn lingvistajn ricevos respondon. S-ro Severyns, 6 S. Cr. St. Agatha, Cuyk, Nederlando.

**Patentoj** por inventaĵoj, registritaj markoj por la bulgara teritorio estas aranĝataj de Atanas D. Atanasov, ĉefdelegito de UEA, Oborište 68, Sofia (Bulg.) Informoj kaj konsiloj rilate al ricevo de patento aŭ de rajto de reg. markoj estas donataj skribe kontraŭ 100 bulg. lv. aŭ egalvaloro (4 sv. fr., 4 germ. markoj ktp.)

**„Tutmonda interkonsento de la salajruloj".** Por akiri informojn skribu al S-ro K. Behrle, Liebigstr. 35 II, Berlin O 112, Germanio.

**Peto!** Du anoj de UEA, razisto kaj ŝuisto, serĉas laboron estante pretaj elmigri eksterlandon plej volonte al Sovetio, Usono, Kanado aŭ Sudameriko. Ili estas ankaŭ pretaj fari alian laboron. Ambaŭ estas edziĝintaj. Geanoj, kiuj helpos estos laŭeble rekompencotaj. Skribu al Jofef Buka, ulice 28 října No 1094 Nymburk, Ĉeĥoslovakio.

**Plej facillernebla Esp.-Stenografio.** ĈIES, premiita en Internacia Sten. Kongreso Bruselo, lernolibro 1,— fr, kun raportista skribo 1,50 fr. Dyba, Berlin-Niederschönhausen.

**Pordoŝildetoj** el aluminio, surskribo „Esperanto parolata" kun verda stelo 10 pecoj 6 sv. fr., sendkostoj enkalkulitaj. Specimenaro de insignoj 18 diversaj 6 sv. fr. Pri cigaredujoj, alumetujoj, kasetoj kun bildo de Majstro postulu prezaron de H. Röhlich, Gablonz a. N., Wassergasse 7a, Ĉeĥoslovakio.

Legu la redakcian noton en la nuna numero pri

**HERALDIKA LUDO**

kun 68 flagoj! Plej interesa novaĵo. Prezo en kartonskatolo svisajn frankojn 12.50 afrankite.

Ni serĉas ĉie agentojn kaj revendistojn.

Al societoj kaj delegitoj granda rabato.

**Kovács & Heller, VI., Laudon-ucca 6, Budapest (Hungarujo)**

**Libro-amantoj atentu!**

| | | | Frk. sv. |
|---|---|---|---|
| An-Ski: | Dibuk | 90 paĝoj | 0.65 |
| Grabowski: | Pekoj de l'infaneco | 97 paĝoj | 0.70 |
| — | Consilium Facultatis | 64 paĝoj | 0.60 |
| * * * | La Reĝo, Dramo | 89 paĝoj | 0.50 |
| Turno: | Pola Esperanta Lernolibro | 72 paĝoj | 0.95 |

Sume 5 libroj kun 412 paĝoj por Fr. 3.40

Pagu aŭ por ĉiuj aŭ por unuopaj el la libroj iel ajn, sed — Pro Dio — ne poŝtmarkojn al

**D-ro Leopold Dreher, Starowislna 37, Kraków, Pol.**

La 15-a de Decembro, naskiĝtago de D-ro L. L. Zamenhof, estas dediĉita por la Festo de la Libro. Tiuokaze aĉetu literaturaĵon!

La plej sendiskute bela verko aĉetinda estas

# FABIOLA

la fama romano pri katakumboj de kardinalo Wiseman, el angla lingvo tradukita de Ramo, kies nova eldono ĵus aperis sub luksa kovrilo 14,5 × 19 cm, enhavanta 440 paĝojn, 8 luksajn eksterteckstajn kaj multajn entekstajn ilustraĵojn

Prezo: 30 fr. fr. kaj sendkostoj: por Francujo: 1,50 fr.; por aliaj landoj: 3 fr. aŭ 4,50 fr.

Tuj mendu ĉe la

**Administracio de „ESPERO KATOLIKA", 55, rue de Vaugirard, PARIS VI**

## Radio Berlin! Zamenhof-Festo, 15 Decembro 1927

**Parolado en Esperanto (Oratoro S-ro Behrendt)**

**Horo: 19,05** **Ondo 484**

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

CENTRA OFICEJO: 12 Boulevard du Théâtre, GENÈVE (SVISLANDO)

**Libroservo de UEA**

*Plej bona amiko estas bona libro!*

Rekomendindaj verkoj okaze de la

# TAGO DE LA LIBRO

*Prival, D-ro Edm.:* Historio de Esperanto
parto I 2.25 sv. fr.
parto II, luksa eldono 8.25 „ „
Ambaŭ libroj kune 10.— sv. fr.

*Delsudo-Laiho:* Aŭstralio, Lando kaj popolo. Luksa volumo, 31 ilustraĵoj, landkarto 9.— sv. fr.

*Wagnalls:* La Palaco de Danĝero
Luksa volumo, agrabla legaĵo 8.— sv. fr.

*Luyken:* Pro Iŝtar
originala romano el tempo babilona, moderna bindaĵo 9.40 sv. fr.

## Verkaro de D-ro Zamenhof

Klasikaj tradukoj

pli ol 1000 paĝoj da presita teksto

kun afranko kaj rekomendo

12.50 sv. fr.

## Esperanta Biblioteko Internacia

Unu el la plej bonaj kolektoj de praktike enpoŝigeblaj libretoj, tradukoj el deko da lingvoj, 5 originalaĵoj. Tuta kolekto formanta malgrandan bibliotekon

16.50 sv. fr.

## Biblioteko Tutmonda

**Serio I-a** (numeroj 1—10) 5.50 sv. fr.

**Enhavo:** Mérimée, Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj. El la Franca trad. Borel. — Van Eeden, La malgranda Johano. El la Nederlanda trad. Bulthuis (3 N-roj). — Baudoin, La Arto de Memdisciplino (Psikagogio). Originalo. — Karinthy, Norda Vento (novelkolekto). El la Hungara trad. Bodó. — Inglada, La Sismologio (tertremoj, vulkanoj). Originalo (2 N-roj). — Bratescu-Voinesti, Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj. El la Rumana trad. Morariu. — Penndorf, El grekaj papirusoj. Originalo.

**Serio II-a** (numeroj 11—20) 5,50 sv. Fr.

**Enhavo:** La Aventuroj de Munchhausen. El la Angla trad. Applebaum (2 N-roj). — Puŝkin, Kapitanfilino. El la Rusa trad. Ŝidlovskaja (2 N-roj). — Collinson, La Homa Lingvo. Originalo. — Korĉak, Rakontoj Bonhumoraj. El la Pola trad. Weinstein. Bujwid, Higiena Vivado. Originalo. — Babits, La Cikoni-kalifo. El la Hungara trad. Bodó (2 N-roj). Bovet, La instinktoj de la infanoj kaj ilia valoro por la edukado. Originalo.

☆

Rabato de 20 % al UEA-anoj
Uzu aldonitan mendilon!

ESPERANTO-PRESEJO PAUL BÖHME, MAGDEBURG-S.